# TAĴO NIA

**Kongresa Kuriero de la 103a Universala Kongreso de Esperanto**

**Lisbono** Sabaton, la 28-an de julio, 2018 n-ro **1**


## Urbestra saluto

Estimataj kongresanoj, karaj esperantistoj,

Por la urbestro de Lisbono kaj por nia urbo estas honoro akcepti unuafoje en Portugalio la Universalan Kongreson de Esperanto.

Mi do deziras la plej grandan sukceson al la kongreso kaj subtenas la emon de la Esperanto-movado kontribui al mondo pli aperta, pli varia, kie oni aprezas la kreadon de pontoj inter popoloj kaj kulturoj. La faktoj ĝis nun montris la konstantan kaj kreskantan neceson de tiu ĉi klopodo.

La urbo Lisbono estis dum multaj jarcentoj elirpunkto al ĉiuj mondopartoj. Ĝi estas multkultura urbo, kie ni fiere akceptas kaj bonvenigas ĉiujn, kiuj sin direktas al ĝi. Ĉar tia estas ankaŭ la spirito de Esperantismo, mi emfazas, ke por ni gravas akcepti tiun ĉi kongreson kaj doni al vi la ŝancon sperti nian urbon kiel vizitindan kaj ŝirman havenon por ĉiuj.

Bonvenon al la urbo Lisbono, kiu tre plezure akceptas la paroprenantojn de la Universala Kongreso de Esperanto!

**Fernando Medina, Urbestro de Lisbono** (trad. kn1203)

## Manĝu ĉipe, sed frue!

La manĝejo en la Fakultato pri Juro, etaĝo 0 (nul), tiu, kun menuo por **2,50 €**, funkcios inter la 9h00 kaj la 19h00 (kaze ke iu volas vespermanĝi, ili devas iri ĝis tiu horo). **KKS**

## De kie?, kien?, per kio?


Yusuke Kawasaki

Kongresanoj kiuj posedas la karton *Viva Viagem* (aĉetebla en ajna metrostacio; 24-hora valido buse, trame, kaj metroe: 6,30 €) uzu por veturoj kaj promenoj. Eblas plani, testi, kaj simuli itinerojn per klako sur mapon en la retejo http://www.transporlis.pt/, por la lokoj de eliro kaj alveno (eblas ankaŭ entajpo de adresoj, anstataŭ mapindiko). Tiu retejo ebligas indiki deziratan ekirhoron, kaj neprigi aŭ ekskludi parametrojn (ekz.: variantojn malplej paŝan, nurtraman, k.s.); ties interfacon eblas agordi al la portugala aŭ al la angla. Ankaŭ la retejo https://www.openstreetmap.org/ uzeblas por plani itinerojn — ankaŭ paŝajn, biciklajn, kaj aŭtajn. **LKK**

## Infana Kongreseto

Gepatroj kaj infanoj kun siaj valizoj alvenu sabaton, la 28-an de julio, en UK-ejo Jura Fakultato (*Faculdade de Direito*). La infanoj kolektiĝu ĝis la 17:30 en la interna korto (kie eblas aĉeti trinkaĵojn). Tie la gepatroj povas renkonti la I.I.K.-gvidantojn.

Je la 18:00 la infanoj kun siaj valizoj ekiras kun la I.I.K.-gvidantoj al la parkejo de nia buso antaŭ la Rektorejo (*Reitoria*). Nia buso *PlanetaTours* ekveturas je 18:30 al la I.I.K.-ejo. **kn162**

## Hodiaŭ luneklipso



Piruliton

Videblos ĉivespere je sunfalo la **plej longa luneklipso** de la 21-a jarcento, kun 103 minutoj da totaleco (ĉar ĝi samtempas kun la orbita apogeo). Tiu fenomeno videblos en Lisbono sur la orienta ĉielvolbo (el la kongresejo, rigardu en la direkton de la longa, dekliveta gazono) kaj je la 21h 13m 12s la Luno, ruĝeta pro Rayleigh--disreflekto, ekvidebliĝos jam alte sur la ĉielo. Samtempe okazas perihela opozicio de Marso, kiu ekde hodiaŭ ĝis mardo brilos pli forte ol iam ajn dum la lastaj kaj postaj 15-17 jaroj. **kn59**

## Kontribuu al socilingvistika esploro

Mi invitas vin kontribui al la sennoma scienca esploro de Universitato de Varsovio (Pollando). Dum la U.K. mi ŝatus intervjui vin pri via vivo kun Esperanto. Se vi emas partopreni kaj havas demandojn, skribu al mi retleteron: i.stria@uw.edu.pl aŭ lasu mesaĝon por kn862. **kn862**

## Suno sed ĵaŭde ekvarmo

…tiel prognozas meteologoj. Tre bonvene kaj retrankvilige post la antaŭa semajno kun griza nubtavolo. La kongresa semajno do belos kaj ĝis ĵaŭdo agrablos, kiam la aervarmo atingos 38 °C (prognozfidindo je 75%). Sekvu ĉe http://www.ipma.pt/ aŭ https://www.meteoblue.com/pt/tempo/previsao/14-dias/lisboa_portugal_2267057. **LKK**

# Utilaj portugalaj esprimoj

Saluton – *Olá* [ola']
Bonan matenon – *Bom dia* [bon dia]
Bonan tagon (posttagmeze) – *Boa tarde* [boa tard]
Bonan vesperon – *Boa noite* [boa nojt]
Bonan nokton –*Boa noite* [boa nojt]
Ĝis morgaŭ – *Até amanhã* [ate' amanja']
Dankon – *Obrigada* (se vi estas virino) [obrigada]
*Obrigado* (se vi estas viro) [obrigadu]
Multan dankon – *Muito obrigada / obrigado* [mujnt obrigada / obrigadu]
Bonvolu / Mi petas – *Por favor* [pur favor']
Pardonon – *Desculpe* [dŝkulp] (ankaŭ por voki kelneron kaj por enkonduki demandon aŭ peton)
Ĝis revido – *Adeus* [adeŭŝ]
Jes – *Sim* [sin]
Ne – *Não* [naŭn]
Bone – *Bem* [bajn]
Malbone – *Mal* [mal]
En ordo – *Está bem* [ŝta bajn]
La ŝlosilo – *A chave* [aŝav']
Mi nomiĝas… – *Chamo-me…* [ŝamum]
Mi ne parolas la portugalan – *Não falo português* [naŭn falu prtgeŝ]
Mi komprenas – *Percebo* [prsebu]
Mi ne komprenas – *Não percebo* [naŭn prsebu]
Mi ŝatas – *Gosto* [goŝtu]
Mi ne ŝatas – *Não gosto* [naŭn goŝtu]
Mi volas… – *Quero* [keru]
…kafon – *um café* [un kafe']
…teon – *um chá* [un ŝa']
…bieron – *uma cerveja* [uma srveĵa]
Kiom ĝi kostas? – *Quanto custa?* [kŭantu kuŝta]
Kie estas restoracio? – *Onde é que há um restaurante?* [ondje kia' un ĥŝtaŭrant']
Mi estas vegetarano – *Sou vegetariano* [so vĵtarjanu]
Mi estas vegano – *Sou vegan* [so vegan]
Hieraŭ – *Ontem* [ontajn]
Hodiaŭ – *Hoje* [oĵ]
Morgaŭ – *Amanhã* [amanja']
Malfermita – *Aberto* [abertu]
Fermita – *Fechado* [fŝadu]
Mi estas malsana – *Estou doente* [ŝto duent'] **kn1512**

# Ĉu vi pri fiŝoj kaj fosilioj?




Kadre de la Internacia Infana Kongreseto, okazanta trans la rivero Taĵo en Almado, lunde estos ekskurso suden, al la marbordo ĉirkaŭ Sezimbro, i.a. tien, kie la rokoj surhavas dinosaŭrspurojn, kaj marde vizito al la Lisbona Oceanejo. Kongresanoj klarigemaj pri **iĥtiologio**, **paleontologio**, kaj similaj temoj dankinde proponu kuniri por riĉigo de tiu ĉi sperto; kontaktu Bert SCHUMANN kn162: +33 123 456 789 aŭ infana.kongreseto@gmail.com. **krKK**

# KER-ekzamenoj: lastaj ebloj




Jen la lastaj ebloj aliĝi al la kongresaj KER-ekzamenoj: Informprelego, preparsesio: lundon, ekde la 14:15, en Salono Barreto. Aliĝformularo ĉe edukado.net/ekzamenoj/ker/sesioj Lasta tago por aliĝi rete: mardo, 12-a horo. Ekzamentago: vendredo, la 3-a de aŭgusto. Pliaj detaloj en la morgaŭa kuriero. **kn1166**

# Efemeraĵoj esperantaj

Okazas dum la kongresa semajno ekspozicio pri esperantaĵoj en Barejro (Barreiro), ĉe la sua bordo de la rivero Taĵo, sudoriente de Lisbono, organizita de la neesperantista deponejo kaj esplorejo pri t.n. efemeraĵoj Associação Cultural Ephemera, gvidata de konata politikisto kaj historiisto José Pacheco PEREIRA, ano de nia Patrona Komitato (vd. *Kongresa Libro* pĝ.7). La ekspozicio viziteblas en Rua 48, Armazém 3, Baía do Tejo, Parque Empresarial do Barreiro (38.66408; −9.06425). En la arĥivo de *Ephemera* enestas kelkaj konataj interesaj eroj, kiaj, interalie, ekzemplero de la libro de E. Lanti *Ĉu Socialismo konstruiĝas en Sovetio* kun aŭtora manskribaĵo atestanta lian ĉeeston en Lisbono la 6-an de septembro, 1936 — vd. tiun kaj aliajn ĉe https://ephemerajpp.com/category/temas/esperanto/. En tiu sama urbo Barejro, ankaŭ viziteblas Placeto Zamenhof (inaŭgurita en 1983; 38,66152; −9,08147) kun monumento pri esperanto (inaŭgurita en1987). La tiama iniciatinto de tiuj ZEOj estis João Caeiro de SOUSA (1924-2000), aktiva esperantisto kies postlasaĵoj parte konsistigas la ĉi-semajnan ekspozicion. **kn59**



Lisbono la 16-an de sept. 36

Kara Kamarado,

Mi dankas al vi pro via letero. Intertempe mi ekscius, ke sveda ŝipo venos Lisbonon, la 6-an de oktobro, k veturos al Kobe, kie ĝi alvenos la 28-an de novembro. Mi decidis uzi tiun ŝipon por iri al Japanio.

Ĉar mi ne havos la plezuron persone konatiĝi kun vi, mi almenaŭ volas lasi al vi iun memoraĵon; tial mi sendas al vi donace ĉi tiun libreton.

Post ĝia legado vi eble pensos, ke ankaŭ burĝaj, reakciaj gazetoj raportas malfavore pri la situacio en Sovetio k sekve ?...

Al tio mi respondas: estas la plej granda krimo de Stalin, ke per siaj faroj, per sia tiraneco li kompromitas la komunismon. La reakciuloj samigas hipokrite komunismon kun Stalinismo, dum ambaŭ ismoj havas neniom komunan...

La lastatempaj okazintaĵoj en Moskvo sufiĉas por pruvigi, por konfirmi la enhavon de ĉi tiu verketo. La fakto, ke ĉiuj malnovaj pioniroj de l' bolŝevika partio estas mortigitaj aŭ enkarcerigitaj laŭ la ordonoj de Stalin pruvas plej evidente, ke li estas eĉ pli terura k senkompata ol la caro... Sennacieca k fratece E. Lanti

# Kongresa balo!

…kaj milopa kun'. Ĝi okazos en CCB — *Centro Cultural de Belém*, en sudokcidenta Lisbono. La **plej simpla** itinero estas per metroo ĝis la fino de la Verda Linio (stacio *Cais do Sodré)* kaj tie per tramo 15E dekkvin haltejojn ĝis *Centro Cultural de Belém* (endas premi la haltigbutonon).

Eblas ke aliaj itineroj estu **pli rapidaj**, per diversaj busraŭtoj, depende de la trafiko kaj de la preciza horo de via veturo. La jena urlo kalkulos por vi la momente plej taŭga itinero ekde la kongresejo: https://www.transporlis.pt/Default.aspx?tabid=188&recalculate=true&longInicial=-9.1588&latInicial=38.7525&longFinal=-9.2083&latFinal=38.6964&textPartida=Definido%20no%20mapa&textChegada=Definido%20no%20mapa&calculoPartida=0&dataRota=30/07/2018&horaRota=18:46&meiosTransporte=true,true,true,true&operadorSel=&tipoPercurso=64&bbox=-9.20824599052513/38.6963993900488%20-9.14525126000744/38.7545052080383&language=pt-PT — klaku sur la butono «*Calcular*». **LKK**



# El la libroservo por vi

*La strato de Tanja. Vivo en Rusio 1917-2017*, de Kalle Kniivilä. Novjorko: Mondial, 2017.

Kiel ekspliki la historion de kolosa lando dum cent jaroj en facila, alirebla maniero? Jen demando, kiu certe memorigas nin pri nia lerneja periodo: dikaj libroj plenaj de datoj, nomoj de personoj kaj bataloj. Kalle Kniivilä, konata ĵurnalisto, kies fako estas Rusio kaj iama Sovetunio, trovis magian formulon. Anstataŭ listigi decidojn prenitajn desupre, en ministerioj kaj registaroj, li descendis al la nivelo de ĉiutaga vivo. Tra iom pli ol cent kvindek paĝoj paradas loĝantoj de strato en Sankt-Peterburgo, de la soveta revolucio ĝis la pasinta jaro. Ĝuste tiaj atestoj de realo montriĝas aparte logaj, ĉar per ili eblas bildigi al si tiamajn personojn, mudlitajn de la socipolitikaj cirkonstancoj.

*La strato de Tanja*, originale verkita en modela, ekzempla Esperanto, hokas la leganton jam de la unua paĝo, kaj tiel la vojaĝo, kiun ĝi proponas, fariĝas aparte agrabla kaj samtempe instrua. En la libro ni trovos ne nur eĥojn de la plej gravaj historiaj okazintaĵoj, sed ankaŭ miriadon da detaloj, multfoje ĉerpitaj de la aŭtoro el rakontoj de la loĝantoj, kiuj eble perdiĝus por ĉiam, se ili ne estus registritaj sur ĝiaj paĝoj. Ne serĉu tiujn informojn en la tradiciaj libroj pri historio – ja estus vane.

Mi povas imagi *La strato de Tanja* tradukita en multajn lingvojn, ĉar ĝi ja meritas tian disvastigon. Se vi volas ĝui bonan legadon, aŭ trafe donaci ŝatindan verkon, ĉi tiu libro estas certe por vi.

**Suso Moinhos**

# Scienca programo

**Sabato, 28-a de julio**
19:00-21:00 - IKU-tablo. IKU-libro.

**Dimanĉo, 29-a de julio**
16:00-17:30 - IKU-inauguro *kaj IKU-AIS 1/1: Maurelli/Zhang* (Carreira)

**Lundo, 30-a de julio**
14:15 - 15:15 - IKU-AIS *2/1: Butan* (Sacramento)
15:15-16:00 - IKU-AIS *1/2: Maurelli/Zhang* (Barreto)
17:00-18:00 IKU-AIS 3/1: Shevchenko (Sacramento)

**Mardo, 31-a de julio**
09:00 - 10:00 IKU4: Barandovska (Carreira)
12:00 - 13;00 IKU-5: Brandenburg (Carreira)
13:45 - 14:30 IKU-AIS 3/2: Shevchenko (Nguyen)
15:00 - 15:45 IKU-AIS 1/3: Maurelli/Zhang (Macedo)
16:00 - 16:45 *IKU-AIS 2/2: Butan* (Macedo)
16:00 - 17:30 Scienca Kaferjo 1 (Almeida)
Aŭderskaja, Boyadzieva, Bronŝtejn, Lucas, Marcus

**Ĵaudo, 2-a de aŭgusto**
09:30 - 10:30 IKU-6: Martins (Carreira)
11:45 - 12:30 *IKU-AIS 2/3: Butan* (Barreto)
12:45 - 13:30 IKU-AIS 3/3: Shevchenko (Macedo)
13:45 - 14:45 IKU-7: Pontes (Yamasaki)
16:00 - 17:30 Scienca Kafejo 2 (Almeida)
Raola, Striganova, Tuider, Stria

**Vendredo, 3-a de aŭgusto**
09:00 - 10:00 IKU-8: Planchon (Carreira)
10:15 - 11:15 IKU-9: Rossi (Carreira)
*12:15 - 13:15 Scienca Forumo* *(Almeida)*
(ĵusajn ŝanĝojn *kursive*) **kn1355**

# Antaŭkongresaj raportoj



Alfred Heiligenbrunner

**Acoraj insuloj: Antaŭkongreso ĉe balenoj kaj vulkanoj**

Acoroj estas arkipelago konsistanta el 9 insuloj, kiu troviĝas iom mezvoje inter Europo kaj Nordameriko. Ĝi havas iom malpli ol 250 000 loĝantojn kaj havas statuson de aŭtonoma regiono de Portugalio. La antaŭkongresa ekskurso (**A1**) tien disvolviĝis ekskluzive en la plej granda insulo, nome São Miguel (Sankta Mikaelo), kaj ĝin gvidis la loka ĉiĉerono Rafael kaj interpretis Francisco. Ni vizitis piede la historian urbocentron de Ponta Delgada, kie elstaras baroka-manuelstila preĝejo el vulkana ŝtono sur altaĵo kaj observis la modernan havenon kun originala stuparforma rigardejo al krozoŝipoj. Ni vizitis paradizajn lokojn kun krateraj lagoj, vidis kiel kuiriĝas la loka plado *cozido* per terma ter-varmo kaj abunde fotis la feecajn kampojn dividitajn per hortensi-vicoj kaj la solan te-kulturejon kaj -fabrikon en Eŭropo. La ekskurso okazis laŭplane kaj ni sentis nin bonŝancaj — ĉar printempo jam pasis kaj certaj cetacoj nun reprenas sian migrovojon— povi tre klare vidi paron da balenojn gracie naĝadi. **kn200**



TKż

**Antaŭkongresanoj "malkovris" la sudan Portugalion**

La 23-an de julio 23 kongresanoj kolektiĝis en unu el la lisbonaj hoteloj por la antaŭkongresa aventuro (Antaŭkongresa Ekskurso al **suda Portugalio** - **A2**). La postan matenon, kvazaŭ kiel portugalaj maristoj en la epoko de malkovroj, ni komencis la vojaĝon al regiono antaŭe nekonata al ni. Ni konatiĝis kun la perloj de Alentejo: Eboro — monda heredaĵo de Unesco, Beja (sur la foto, en la loka kastelkorto) kaj Pisões. Poste ni vojaĝis al la plej suda regiono — Algarvo. Ni vizitis la maŭran fortikaĵon en Silves, Monchique, ni konkeris la plej altan montopinton en tiu regiono: la monton Fóia kaj vidis la urbojn Lagos kaj Sagres. La kulmino de la ekskurso estis vizito en la Kabo de S-ta Vincento (Cabo de São Vicente), kiu situas en la rando de Eŭropo, sur la klifo triflanke ĉirkaŭata de Atlantiko. Tiel ni povis vidi la heredaĵon de diversaj epokoj kaj kulturoj: romianoj, visigotoj, maŭroj kaj portugaloj.

Pro relative grandaj distancoj kaj intensa programo restis nur malmulta libera tempo. Tial nur dum manĝopaŭzoj ni sukcesis tosti je la sano de unu el la partoprenantoj en lia naskiĝtago kaj je estonteco de nia movado en la Esperanto-tago. **kn100**

# Programŝanĝoj:

**ESF** okazos en vendredo 11h30-12h15, Sacramento (ne plu marde 10h45-11h30, Yamasaki);

**Scienca Forumo** okazos en vendredo: 12h15-13h15, Almeida (ne plu 10h15-11h15, Sacramento);

**IKUE-KELI** okazos en vendredo 10h15-11h15, Sacramento (ne plu en mardo 16h30-18h00, Nguyen). **KKS**

# Aŭtoraj duonhoroj

PROGRAMO:

**Dimanĉo 29-a de julio:**
- 14h30: Miguel Fernández
- 16h00: Mikaelo Bronŝtejn

**Lundo 30-a de julio:**
- 14h30: Spomenka Štimec
- 15h00: Suso Moinhos
- 16h00: Christer Kiselman

**Mardo 31-a de julio:**
- 09h30: Dima Ŝevĉenko, Anna Striganova
- 11h00: Pedro Sanz
- 14h30: István Ertl
- 16h00: Maritza Gutiérrez
- 16h30: Anna Löwenstein

**Ĵaudo 2-a de aŭgusto:**
- 9h30: Yu Jianchao
- 11h00: Heidi Goes
- 14h30: Tatjana Auderskaja
- 16h00: Abel Montagut
- 16h30: João José Santos

**Vendredo 3-a de aŭgusto:**
- 09h30: Javier Alcalde, José Maria Salguero
- 11h00: Humphrey Tonkin
- 14h30: Carlo Minnaja

Ĉiuj aŭtoraj duonhoroj okazos en la Libroservo (salono Boulton). Eventualaj ŝanĝoj estos anoncitaj en la *Kongresa Kuriero* kaj en la Libroservo. **kn49**

# Unua aŭtora duonhoro:

RR



La tradicia serio Aŭtoraj Duonhoroj komenciĝos dimanĉon, la 29-an de julio (14h30) en la Libroservo (salono Boulton), per renkontiĝo kun aŭtoro Miguel Fernández — poeto, prozisto, eseisto kaj nuna prezidanto de la Belartaj Konkursoj. **kn49**

# Flughavena bonvenigo




RdP

Kongresanojn alvenantajn per aviadilo la L.K.K. bonvenigadis la tutan tagon hodiaŭ, hieraŭ kaj antaŭhieraŭ, en la alvenhalo de la Lisbona Flughaveno, tute meze kaj fronte al la pordo el kie elfuneliĝas ĉiuj alflugintoj. Tiu servo funkciis de la 8-a matene ĝis la noktmezo (kun mankoj ĵaŭde je 12:00-14:00 kaj 22:00-24:00; hodiaŭ finos laŭplane je la 14:00) kaj, krom simple bonvenigi, laŭbezone klarigis pri la urba transportilbileta sistemo, kien iri por eniri la metroon, aŭ kiel atingi specifan hotelon. Dejoris laŭvaĉa skipo de sep (iel) lisbonaj esperantistoj, inter apenaŭaj komencintoj kaj spertaj veteranoj. **kn59**

# Kolofono:

*Taĵo Nia* kongresa kuriero de la 103-a **Universala Kongreso** de Esperanto, en Lisbono, Portugalio, de la 27-a de Julio ĝis la 4-a de Aŭgusto, **2018**.
**Kunredaktas (krKK)**: Suso Moinhos kaj António Martins-Tuválkin
**Redaktejo**: Simões
*Novan numeron ĉiumatene en la halo kaj ĉe* esperanto.pt/tn1

Kontribuojn b.v. sendu al kuriero@esperanto.pt aŭ papere en keston en la redaktejo kun **kn** aŭ nomo nepre **ĝis la 18:00** ĉiutage!

# Patro kaj filino

Handzlik



<u>Sur</u> la pĝ. 89 de la *Kongresa Libro* foto ilustras nur duonon de la duopo kiu prezentiĝos vendrede (13h00-14h00) en salono Carreira: Georgo kaj Dominika Handzlik en gitara kaj violona kabareda koncerto, kiu temos pri nia komunumo, niaj «verdaj moroj kaj foje troa verdismo». **KK:a**



# La IKU-libro




Jam du jardekojn la Internacia Kongresa Universitato (IKU) havas akompanan tekstaron: la IKU-libro. Ekde 2005 ĝi aperas ankaŭ rete: http://uea.org/teko/IKU. Kun pli ol ducent paĝoj, la lisbona IKU-libro estas **la plej ampleksa** iam. Same kiel la seula, ĝi estas libro-forma, sed kostas signife malpli (dum la UK, **nur 15 eŭroj**). Kun naŭ IKU-tekstoj kaj 18 resumoj, verkita kaj preparita laŭ altaj sciencaj kaj eldonaj normoj, tiu ĉi libro estas grava atingo de la **scienca eldonado** en Esperanto.

# TAĴONIA

Kongresa Kuriero de la 103a Universala Kongreso de Esperanto

**Lisbono** Dimanĉon, la 29-an de julio, 2018 n-ro **2**

## Kongresa temo 1

*Dimanĉo, la 29-a de julio. 14h00-15h15, Sacramento*

En la unua sesio de la kongresa temo ni pritraktos esencan momenton de tutmondiĝo: la koloniigon de la mondo fare de la eŭropanoj. Kiel oni spertis tion en Afriko, en Ameriko, en Azio? Kiujn politikajn, ekonomiajn, sociajn kaj kulturajn efikojn tion havis? Ĉu ekzistis ankaŭ lumoj en tiaj rilatoj? Kiel estas la situacio nuntempe? Por respondi al tiuj demandoj ni havos la helpon de homoj el plural landoj ekster Eŭropo: Jérémie Sabiyumva (Burundo), Adjévi Adjé (Togolando), Ariadna García Gutiérrez (Kubo) kaj Giridhar Rao (Hinda Unio). Kompreneble ankaŭ la publiko partoprenos la diskuton. **kn458**

## Hodiaŭ en la Kongreseto

Posttagmeze la 26 partoprenantoj de la 47-a Internacia Infana-adoleskanta Kongreseto, kun siaj gvidantoj kaj zorgistoj, veturos per amfibia buso tra la malnova urboparto kaj sur la rivero Taĵo ĝis la turo Belém. Poste ili promenos piede ĝis la Tropika Botanika Ĝardeno, fine ĝis alia buso reportos ilin al la IIK-ejo, en Almado, en la suda riverbordo antaŭ Lisbono. **kn162**

## Grava averto!

Nia ĉefa kongresejo (Fakultato pri Juro) aŭtomate **fermas siajn pordojn** ĉiutage je la sesa horo kaj duono, posttagmeze (18:30). Ĉe la malantaŭa pordo konstante deĵoras gardisto kaj eblas tra ĝi eliri iam ajn; ankaŭ eblas eliri tra la manĝeja korto, same malantaŭe, almenaŭ ĝis ties fermiĝo. **LKK**

## Plia aŭtora duonhoro!

La 31-an de julio (11h30) Amri Wandel prezentos en la Libroservo la trian eldonon de *La kosmo kaj ni* (D. Galadi-Enríquez kaj A. Wandel) kaj la IKU-libron 2018. **kn49**

## Ŝanĝitaj SK-prelegoj

Pro lastmomentaj reagoj de SK-prelegantoj, jen la modifita SK-programo (la ŝanĝoj graslitere):
*Mardo:* Aŭderskaja, Boyadzieva, Markus, **Stria**
*Ĵaŭdo:* **Bronŝtejn**, Raola, Striganova, Tuider **kn1355**

## Ne ĉiuj rimarkis la luneklipson ĝusta-tempe…




Pro eraro apenaŭ pardonebla aperis en la unua numero de *Taĵo Nia* , publ. la 28-an, hieraŭ, sciigo pri «hodiaŭa luneklipso». Ĝi ja okazis la 27-an, kiel multaj atentemaj legantoj rimarkigis al ni; ne senrilate aperis ankaŭ malĝusta dato en ĉiu paĝpiedo. **KK**




Mi rigardis la Lunon kun multaj lokuloj kaj kun kelkaj samideanoj jam vendrede, la 27-an, de la monteto, kie staras Convento de Nossa Senhora en la urboparto Penha de França. Bela vido ne nur al ĉielo, sed ankaŭ al la urbo de ĉi tie. **kn642**

# El la libroservo por vi




*Kvaronlando*, de Gina Ruck-Pauquèt. Tradukis Nora Caragea. Frankfurt am Main, 2005.

Por rekomendi libron ĉi-foje mi donos ne nur mian opinion, sed ankaŭ tiun de mia nevo. Char *Kvaronlando* estis por li vera malkovro. La libro traktas la temon de rasismo kaj diskriminacio ĝenerale en tre lerta maniero: la mondo estas dividita en kvar partojn, ĉiuj kun malsama koloro, ĝis eta ribelema infano decidas meti finan punkton al tiu absurda apartigo.

La lingvo klare prezentas du nivelojn de malfacileco: la unuan parton de la verko karakterizas simpleco, dum la dua parto montriĝas pli komplika kaj ellaborita, kaj sintakse kaj vortprovize. Mia nevo estis ravita de la buntaj desegnoj kaj la rakontmaniero, kiu per ripetitaj skemoj paŭsas la strukturon de popolajrakontoj. Entute temas pri bela libro, profesie eldonita kaj kun la garantio de ĉiuj verkoj tradukitaj de Nora Caragea. Jen bela donaco por infano!

*Brava kolombido: fabelo de Han-nacieco*. Kolekto: Fabeloj de Ĉinio. Ĉina Esperanto-Eldonejo. 1984.

Jen eta juvelo por infanoj ĝis 6 jaroj: tradicia fabelo de Ĉinio kun mirinde belaj desegnoj. Tio estas tipa penso de plenkreskuloj, sed se ni demandus infanojn ni mirus, ke ankaŭ ili tre admiras la libron. En la kazo de mia nevo, ni ludis laŭ fragmentoj de la fabelo, dum ni refoje legis ĝin. Danke al la historio, li konatiĝis kun la ĉina kulturo laŭ amuza maniero, kaj samtempe aprecis la valoron de laboro kaj firmaj konvinkoj.

La libron kompletigas ujgura fabelo: "Pavo, kiu scipovas nur sin ornami". En ĝi, multaj bestoj alparolas pavon, kiu ricevas lecionon pro sia orgojla sinteno.

Resume, ĉi tiu verketo, same kiel aliaj de la sama kolekto, estas havinda kiel eta trezoro inter la infanlibroj en la internacia lingvo, kaj krome ĝi havas tre konvenan prezon. Kion vi atendas por akiri ĝin?

**Suso Moinhos**



## Movada foiro

Movada foiro interne?!
Tro dense, humide, kaverne!
Ekstere sur placo
sen ajna agaco
pli plaĉus, neniel konsterne.

**kn615**

Suso

# Novaj kongresanoj:

*Je la momento fermi la nunan eldonon ni estas ricevintaj jenajn:*

Helder Vieira Lopes, *Brazilo* 1526
Maria Amelia de Gioia Ferreira, *Brazilo* 1527
Dunai Laszlo, *Serbio* 1528
Damir Malkoč, *Kroatio* 1529
Ricardo Romero dos Santos Viana, *Brazilo* 1530
Klaus Diekmann, *Germanio* 1531
. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 1532
Marc Konijnenberg, *Nederlando* 1533
Cyprien Guiya, *Benino* 1534
Aleksandra Gabrilo, *Kroatio* 1535
Battaglieri Andree, *Francio* 1536
Luiz Fernando Puhl, *Brazilo* 1537
Ciro Gomes de Freitas, *Brazilo* 1538
Janaina Gomes de Brito, *Brazilo* 1539
Kazimir Noculak, *Pollando* 1540
Lazaro, Luís, *Francio* 1541
Faure, Maïwen, *Francio* 1542
Lurdes Oliveira, *Portugalio* 1543
B. Kieres, *Pollando* 1544
E. Kieres, *Pollando* 1545
P. Kühnel, *Germanio* 1546
E. Guimarães-Trapanez, *Brazilo* 1548
Alan Neven Kovačić, *(neindik.)* 1549
André Jorge Pagaime, *Portugalio* 1550
Guillaume Vera-Navas, *Francio* 1551
Maurício Sérgio Luccas Correia, *(neindik.)* 1552
Eveline Dachine, *Francio* 1553
Xosé Lourenzo Vidal, *(neindik.)* 1554
Félix Sánchez Boquete, *(neindik.)* 1555
Ulrich Fellmann, *Germanio* 1556
T. D'Asenzo, *(neindik.)* 1557

*(preciza numerado konfirmotas)* **LKK**

# Ekumena diservo kaj mesoj esperante

La Ekumena diservo okazos dimanĉon la 29-an de julio je la 15-a horo.

Tuj poste sekvos la katolika meso en Esperanto. Krome, (portugallingva) katolika meso okazos ĉiun tagon de lundo ĝis vendredo (krom merkredo) je la 13-a horo. **kn137**

**Preĝejo:** Igreja dos Santos Reis Magos (multe pli ofte konata kiel Igreja do Campo Grande): Campo Grande, 244). Situas 650 m oriente de la kongresejo: Iru laŭ la antaŭrektoreja gazono preter parko Campo Grande, turnu dekstren kaj jam videblos la preĝejo. **LKK**

**Bildoj en tiu ĉi numero:**
Ĉiuj rajtoj rezervitaj por ĉiuj indikitaj kaj neindikitaj («RR») bildaŭtoroj. **KK**


# Kolofono:

*Taĵo Nia* kongresa kuriero de la 103-a **Universala Kongreso** de Esperanto, en Lisbono, Portugalio, de la 28-a de Julio ĝis la 4-a de Aŭgusto, **2018**. **Kunredaktas (krKK)**: Suso Moinhos kaj António Martins-Tuválkin *Novan numeron ĉiumatene en la halo kaj ĉe* esperanto.pt/tn2

Kontribuojn b.v. sendu al kuriero@esperanto.pt aŭ ankaŭ papere kun **kn** aŭ nomo al iu ajn LLK-ano nepre **ĝis la 18:00** ĉiutage!

# TAĴO NIA

Kongresa Kuriero de la 103a Universala Kongreso de Esperanto

**Lisbono** Lundon, la 30-an de julio, 2018 n-ro **3**



MªBarcellos

## Du vesperoj

Hieraŭ disvolviĝis du vesperoj kun malsamaj stiloj. Je la 20:00 okaokazis la NaciaVespero en la Coliseu dos Recreios (salono Zamenhof, fote). En ĝi, la ĉeestantoj ricevis bonan sortimenton da kantoj kaj dancoj kun loka gusto. Eĉ kelkaj kongresanoj povis pruvi sian ritmosenton sur la scenejo, dank' al invito de la dancistoj!

Iom antaŭ noktomezo komenciĝis en la junulara gastejo pli malformala aranĝo: la Internacia Vespero de TEJO. Manĝaĵoj kaj trinkaĵoj el pluraj landoj, longaj babiladoj kaj *La bamba* kun timora akĉento karakterizis la kunvenon. **kn1512**

## Junulara Programo

**Hodiaŭ, dumtage:**
11:00-13:00: Ludu kun Hanso (salono: Almeida)

**Hodiaŭ, vespere:**
Ekde la 21:00: Loko: HI Hostel Lisboa - Pousada de Juventude - Rua Andrade Corvo 46, 1050-009 Lisbono. Metroo: flava linio, haltejo: Picoas) **kn1451**

## Nacia Vespero, prezente

*Karaj kongresanoj, esperantistoj, samideanoj,*

*Ĉi tiu vespero estas grava vespero, ĉefe por portugalaj esperantistoj, ĉar vi povos spekti, gustumi iomete la portugalan kulturon. Vi eĉ ne bezonos serĉi ĝin. Ĝi prezentiĝos tuj antaŭ vi.*

*Plej precize, vi povos ĝui nian karan muzikstilon faduo, kiu kantas la sorton kaj saŭdadon. Saŭdado estas unu el la plej tipe portugalaj vortoj, kiun oni malfacile povas traduki al aliaj naciaj lingvoj. Malgraŭ tio, faduo estas io, kion portugaloj portas eĉ nevole en si, kvazaŭ trajto nedisigebla. Ĝi spegulas kaj gajecon, kaj melankolion. Ĝi estas, resume, kortuŝa, sentokapta. Indas mencii unu el plej gravaj fadukantistoj de ĉiuj tempoj, Amália Rodrigues, kiun kelkaj konsideras la patrino de faduo. La portugalaj folkloraj muzikaĵoj kaj dancoj, same kiel faduo, ludas gravan rolon en nia kulturo. Malgraŭ tio, ke la folkloraj dancoj kaj muzikaĵoj iom similas inter si, ili ĉiuj enhavas proprajn trajtojn, kiuj varias laŭ la regionoj. Tion vi ĉiuj povos konstati post kelkaj minutoj. Kaj mi, finfine, esperas, ke kiam finiĝos ĉi tiu Universala Kongreso, je la "ĝis"-a horo, vi ĉiuj portu hejmen saŭdadon en via koro pri la aventuroj travivitaj ĉi tie en Portugalujo.*

Luna M. Silva
LKK-ano pri Artaj Vesperoj, **kn63**

# Kongresejoj: Salonnomoj










Ĉi-supre, mapbildoj de la ĉefa kongresejo (Fakultato pri Juro); sur ties tria etaĝo: salono Simões. Krome, en la dua kongresejo (Rektorejo): salonoj Lapenna, Hodler, kaj Han. Aparte (Coliseu dos Recreios): salono Zamenhof. **kn459**, **kn461**, **LKK**

# Kongresa temo 2

*Lundo, la 30-a de julio. 16h45-18h00, Yamasaki*

Post la sukcesa unua sesio de la kongresa temo (surfote Adjévi Adjé, Giridhar Rao kaj Ariadna García Gutiérrez), kie oni lernis




pri la koloniado el la perspektivoj de Afriko, Azio kaj Ameriko, kaj pri la neceso malkoloniigi la mensojn, venas interesa dua sesio. Ankoraŭ pri la pasinteco ĉi-foje ni vojaĝos, ĝis la unua mondmilito (1914-1918), kiam la grandaj potencoj de tiu tempo klopodis fari novan dividon de la mondo kaj kie esperantistoj ludis multflankajn rolojn. Por enkonduki tiujn temojn Ulrich Lins parolos pri la rilato inter internaciismo kaj esperantistoj en tiu periodo. Poste, Bernhard Tuider pritraktos la tiaman situacion de Esperanto en Aŭstrio kaj ankaŭ enfokusigos la priajn objektojn kaj dokumentojn kiuj troviĝas en la Esperantomuzeo kaj en la Kolekto por Planlingvoj de Vieno. Fine, Humphrey Tonkin klarigos la aventurojn de du hungaraj gravuloj de nia historio dum la unua mondmilito: Julio Baghy kaj Tivadar Soros. Pluraj el tiuj diskutoj troveblas en la libro *Antaŭ unu jarcento. La granda milito kaj esperanto*, kiu aĉeteblas en la libroservo. **kn458**

# Tago de lernado

*Tago de lernado, 31a de julio 2018 09.00-15.30h. Salono Sacramento*
*Kadra temo: Aliro al kulturoj pere de la lingvo Esperanto*

09:00 Inaŭguro kaj transdono de la diplomo “Maŭro La Torre”
09:30 João José Santos “Eduksistemo de la gastiganta lando”
10:00 Duncan Charters (Usono): Aliro al kulturoj pere de la lingvo Esperanto: kion ni celu?
10:25 Renee Triolle (Francio): Esperanto, kaŝita interkulturilo
10:50 István Ertl (Luksemburgo): Lerni per tradukado
11:15 Barbara Pietrzak (Pollando): Pli ol la jarcentduona kulturtrezoro de la varsoviaj E-elsendoj
11:40 Marija Belošević (Kroatio): Esperanto — ponto inter la kulturoj
12:05 paŭzo
12:20 Resumo de la antaŭtagmeza parto
12:30 Julián Hernández Angulo (Kubo): La kultura dimensio de Esperanto dum la instruado de Esperanto en Kubo
12:55 Zsófia Kóródy (Germanio): Nova retkurso kaj modula klerigado
13:20 Monika Molnar (Svislando): Kulturplena, bunta lerneja korespondado
13:45 Keyhan Sayadpour (Irano): La persa kulturo pere de la lingvo Esperanto
14:10 ĝenerala diskuto
14:45 Fermo de la Tago de Lernado

Marija Belošević,
Komisiito de ILEI pri la Kontribuo de ILEI en UK, **kn137**

# Diservo kaj mesoj


Marija Belošević

La Ekumena diservo, tradicia UK aranĝo okazis dimanĉon posttagmeze en la preĝejo Igreja dos Santos Reis Magos (Campo Grande). La diservon gvidis fr. Benoît ENTE, OP, kaj muzike vigligis Gyongyi MEZES.

La tekstojn de la preĝoj kaj legaĵoj oni prenis el la libreto por la preĝsemajno por unueco de kristanoj, kaj la kantoj, el la kantkaj preĝ-libro *Adoru*.

La preĝon ĉeestis pli ol 100 kongresanoj.

Post la ekumena diservo sekvis la meso kiun, kun fr. Benoît ENTE, kuncelebris sac. Kazimierz NOCULAK. La meson ĉeestis ĉ. 70 kongresanoj. Ambaŭ ĉeestis ankaŭ loka sacerdoto.

En la sama preĝejo la kongresanoj kolektiĝos ĉiutage (krom merkredo) je la 13-a horo por la meso. **kn137**


Marija Belošević

# Aŭtoraj duonhoroj hodiaŭ

14h30: Spomenka ŠTIMEC
15h00: Suso MOINHOS
17h00: Christer KISELMAN **KK**

# Parolu kun Katalin kaj Sylvain

Se vi volas plibonigi vian parolan Esperanton, venu al Paroligaj Lecionoj (por komencantoj kaj por parolantoj kun meza nivelo). Tiuj kursetoj estas bonaj por paroli kun la kongresanoj kaj multe progresi en ĉi tiu semajno. Ili estas bonaj ankaŭ por iri antaŭen en la preparo de KER-ekzamenoj. Katalin KOVATS kaj Sylvain AUCLAIR, de edukado.net, helpos vin lerni multe.
Por komencantoj: 14h15 en la salono Macedo
Por mezniveluloj: 14h15 en la Salono Nguyen **kn1512**

# El la libroservo por vi

*La gardisto de gregoj*, de Fernando PESSOA. Tradukis G. NEVES. Chapecó: Fonto, 2015.

Alberto CAEIRO estas heteronimo, t.e., elpensita personeco, de unu el la plej gravaj poetoj de Portugalio: Fernando PESSOA. La libro, kiun mi proponas, estas majeste tradukita de Gonçalo NEVES, kiun ni konas kiel grava E-poeto de la ibera grupo (cetere, ankaŭ li ĉeestas la lisbonan UK).

Kiu do estas tiu Alberto CAEIRO? Fernando Pessoa elpensis tutan vivon por li: malriĉa poeto, kiu vivis en la kamparo kaj poste transloĝiĝis al Lisbono. Li difinas sin kiel "gardisto de gregoj", tio estas, kiel paŝtisto, kaj konsideras tro multan cerbumadon nenecesa. Tial lia poezio montriĝas unuavide simpla, parolanta pri la ĉirkaŭa realo, sed verdire montras filtradon de la mondo tra persona kribrilo. La poemoj estas do intimaj kaj samtempe universalaj.

Kelkfoje oni trovas personojn, kiuj rifuzas poezion. Eble ili havas negativan bildon venantan el la lernejaj jaroj, aŭ trovas poezion tro komplika por tuja kompreno. Tiusence, kelkaj asertas ke, por ĝui poezion, legantoj bezonas enkondukon, trejniĝon. Ĉi tiu libro povas esti taŭga enirpordo al la mondo de bona poezio, aŭ fundamento por postaj legaventuroj. Samtempe kun tio, poemaro de Pessoa estas plej bona donaco por amikoj, kiuj ne venis al la UK. Mi invitas vin malfermi ĝin kaj legi ajnan poemon — ĝi ne lasos vin indiferenta. Tamen atentu, ĉar apude sidos samlibra traduko de Neves en Idon: *La gardero di trupi*.

**Suso Moinhos**

# KER-ekzamenoj

Ĉu vi planas prezentiĝi al KER-ekzameno por ricevi oficialan atestilon (bildon) de la Universitato ELTE de Budapeŝto? Do nepre ne maltrafu la prepar-kunveno je la 16h15 en la salono Barreto.


ATESTILO PRI LINGVA EKZAMENO
LANGUAGE EXAMINATION CERTIFICATE
SPRACHPRÜFUNGSZEUGNIS
CERTIFICAT D'EXAMEN DE LANGUE

01111
Numero de la atestilo
Certificate Number
Zeugnisnummer
N° du certificat

Ni atestas, ke
We hereby certify that
Hiermit wird bestätigt, dass
Nous confirmons que

Ivan Camilo QUINTERO SANTACRUZ
Nomo / Name / Name / Nom et prénom

| Santiago de Cali | 02.02.1991 |
| --- | --- |
| Naskiĝloko | Naskiĝdato |
| Place of Birth | Date of Birth |
| Geburtsort | Geburtsdatum |
| Lieu de naissance | Date de naissance |

SUKCESE TRAPASIS LINGVOEKZAMENON ORIGO
HAS SUCCESSFULLY PASSED THE *ORIGO* LANGUAGE EXAMINATION
DIE *ORIGO* SPRACHPRÜFUNG ERFOLGREICH ABGELEGT HAT
A PASSÉ AVEC SUCCÈS L'EXAMEN DE LANGUE *ORIGO*

01111
Numero de la atestilo / Certificate Number
Zeugnisnummer / N° du certificat

| ELTE | ORIGÓ |
| --- | --- |
| Idegennyelvi Továbbképző Központ | Vizsgarendszer |
| Ekzamena Centro | Lingva ekzamensistemo |
| Examination Centre | Examination System |
| Prüfungszentrum | Prüfungssystem |
| Centre d'examen | Examen |

Kolombio
Loko de la ekzameno / Examination Site / Prüfungsort / Lieu de l'examen

| Kalio | 08.06.2013 |
| --- | --- |
| Urbo | Dato de la ekzameno |
| Town | Date of exam |
| Stadt | Prüfungstermin |
| Ville | Date de l'examen |

| Lingvo / Language Sprache / Langue | Nivelo / Level Stufe / Niveau | Tipo / Type Typ / Type |
| --- | --- | --- |
| Esperanto | supera (C1) | skriba |
| Esperanto | advanced (C1) | written |
| Esperanto | Oberstufe (C1) | schriftlich |
| Espéranto | supérieur (C1) | écrit |

Prezidanto de UEA
President of the World Esperanto Association
Präsident des Esperanto Weltbundes
Président de l'Association Mondiale d'Espéranto

Direktoro de la Ekzamena Centro
Director of the Examination Centre
Leiter des Prüfungszentrums
Directeur de centre d'examen

ELTE

(En la unua numero ni erare anoncis pri la informprelego kaj preparsesio pri la KER-ekzamenoj: Ĝi okazos lunde je la 16:15, en la salono Barreto, ŝenŝange rilate al la Kongresa Libro.) **KK**

## IKELanoj bonvenigas

Marde, la 31an de julio, okazos ĝenerala kunveno de la membroj de IKEL (Internacia Komitato por Etnaj Librerecoj) je la 11a horo en la salono Nguyen. Tamen en tiu Kunveno estos ankaŭ bonvenaj la nemembroj de IKEL. **kn417**, **kn971**, **kn972**

## Hodiaŭ en la Kongreseto

La infanoj provos faldi dinosaŭron laŭ origamio sed per granda papero, poste ili busveturos al kabo Espichel por viziti spurojn de dinosaŭroj. Poste iros al bela sovaĝa plaĝo por baniĝi kaj ludi kaj fine vizitos la kastelon de Sesimbra kun belaj azuleĥoj. **kn162**

Suso

**Nia futbalteamo prepariĝas** ...por la fina venko sur la gazono. Ni apogu ilin!


## Kolofono:

*Taĵo Nia* kongresa kuriero de la 103-a **Universala Kongreso** de Esperanto, en Lisbono, Portugalio, de la 28-a de Julio ĝis la 4-a de Aŭgusto, **2018**.
**Kunredaktas (krKK)**: Suso Moinhos kaj António Martins-Tuválkin
*Novan numeron ĉiumatene en la halo kaj ĉe* esperanto.pt/tn3

Kontribuojn b.v. sendu al kuriero@esperanto.pt aŭ ankaŭ papere kun **kn** aŭ nomo al iu ajn LLK-ano nepre **ĝis la 18:00** ĉiutage!





CML

*Jurfakultato: Oficiala municipestrara mapo (fragmento)*

## Novaj kongresanoj:

*Je la momento fermi la nunan eldonon ni estas ricevintaj jenajn:*

| | |
|---|---|
| Isabel, *Portugalio* | 1532 |
| Marko Davis, *Brazilo* | 1558 |
| Antoni Badia Planes, *Hispanio* | 1559 |
| Vinjo Maciejczak, *Pollando* | 1560 |
| Catrina Jucn-Caluczi, *Svislando* | 1561 |
| Michaelo Karpati, *Israelo* | 1562 |
| Jeannine Cloup, *Francio* | 1563 |

*(preciza numerado konfirmotas)* **LKK**

# TAĴO NIA

Kongresa Kuriero de la 103a Universala Kongreso de Esperanto

**Lisbono** Mardon, la 31-an de julio, 2018 n-ro **4**


## Festparolado de la Prezidanto de UEA


**D-ro Mark Fettes**
en la 103a Universala Kongreso de Esperanto,
Lisbono, Portugalio, la 29an de julio, 2017


Estimataj honoraj gastoj, karaj kongresanoj,

Bonvenon al Lisbono, unu el la plej belaj havenurboj de Eŭropo, urbo samtempe profunde portugala kaj malferme internacia, iama centro de kelkaj el la plej grandaj maraj esploroj en la homa historio!

Ni venis ĉi tien aŭte, buse, trajne, aviadile, eĉ el la plej foraj anguloj de la planedo; sed longe antaŭ ol la mondo venis al Lisbono, Lisbono iris al la mondo. Oni bezonas la voĉon de poeto por priskribi la kuraĝon, la aŭdacon, la volforton de tiuj maristoj kiel Vasco da Gama kaj Magelano, kiuj en siaj etaj ŝipoj ŝpinis la unuajn fadenojn de la vasta reto de kontaktoj, kiu nun interligas ĉiujn landojn kaj kulturojn. Al niaj gastigantoj la portugaloj, la luzidoj, ni esprimas ne nur nian dankemon sed ankaŭ nian admiron.Ili estis inter la unuaj, kiuj ne nur revis pri la unueco de la mondo, sed faris konkretajn paŝojn por atingi ĝin.

Ni troviĝas ĉi tie por festi kaj ĝui alian el tiuj konkretaj paŝoj — lingvon konceptitan por tiu sama kunliga laboro, al kiu kontribuis la ŝipoj de la Lisbona haveno. Esperanto fariĝis imagebla, fariĝis kreebla, nur post tri jarcentoj de tiu kunteksado. El la unuaj transmaraj esploroj venis transmara komerco; per la transmara komerco kreskis kaj riĉiĝis imperioj; el la kolizioj de imperioj aperis ne nur militoj kaj rivaladoj sed ankaŭ la ĝermoj de internacia ordo bazita sur komunaj reguloj kaj normoj. Kio povus esti pli natura, do, ol ke iu krea geniulo, ĉe la rando de unu el tiuj imperioj, ellaboru la bazon de komuna lingva normo? Zamenhof vivis en la tempo, kiam kreiĝis la internacia poŝta sistemo kaj la internacia telegrafo, kiam internacia vojaĝado fariĝis imagebla ne nur por riĉuloj sed ankaŭ ordinaraj homoj. Internacia lingvo estis logika plia paŝo en tiu plifaciligado de homaj kontaktoj trans landlimoj.

Tio almenaŭ estas unu el la rakontoj. Estis certe kuraĝiga kaj inspira penso por la fruaj esperantistoj, ke la nova lingvo rajdas sur la tajdo de la historio. Montriĝis, tamen, ke ekzistas pli ol unu speco de historia logiko. Kune kun nova internacia ordo bazita sur paco, komerco kaj scienco, plu kreskis alia, ombra ordo, ordo bazita sur malnovaj hierarkioj kaj sistemoj de ekspluatado, kiuj konstante ŝanĝas sian eksteran aspekton dum ili konservas la malegalan dividon de potenco.

Ni vivas ankoraŭ en tiu mondo de ombro kaj lumo. La historio de Eperanto estas plena de ambaŭ. Ni havas niajn heroojn kaj niajn martirojn, niajn kantistojn de amo kaj belo, niajn poetojn de lukto kaj malĝojo. La strebado por homaj frateco kaj interkompreniĝo neniam estis facila, nek en la tempo de Zamenhof, nek tra la resto de la tumulta dudeka jarcento; nek en niaj tagoj nun ĝi estas facila. Ni vidas ĉiutage en la novaĵoj, kiom pretaj povas esti la homoj rigardi la aliulon kiel malamikon. Ni vidas ĉiutage, kiom da malkompreno, kaj eĉ malkomprenemo, plu ekzistas en mondo kie faktoj kaj informoj estas pli abundaj kaj alireblaj ol iam ajn en la historio. Ni vidas, efektive, ke multe da laboro restas por ni, se ni volas ke niaj nepoj vivu en mondo pli luma ol la nuna, pli paca, pli justa.

Mi volas hodiaŭ paroli al vi pri tiu laboro el eble nekutima angulo. Ni plej ofte pensas pri sociaj movadoj kiel portantoj de ideoj kaj argumentoj. Ili provas konvinki nin pensi alimaniere – pri la rajtoj de samseksamantoj, pri la protektado de la vivmedio, pri la forigo de la mortpuno, pri la transiro al karbonkonserva ekonomio. Ni esperantistoj havas ankaŭ niajn argumentojn, kompreneble. Ni jes volas konsciigi niajn kunhomojn pri la graveco de lingva diskriminacio, la danĝeroj en la superregado de kelkaj ekskoloniaj lingvoj, kaj la valoro de lingvo neŭtrale homa. Ni klare vidas la ligitecon inter tiuj temoj kaj la aliaj streboj por daŭripova mondo. En la koridoroj de Unuiĝintaj Nacioj, en la konferencoj de neregistaraj organizoj, en la paĝoj de revuoj popularaj kaj sciencaj, ni elmetas niajn ideojn, ni strebas persvadi kaj konvinki. Tio estas necesa kaj valorega laboro. Ni salutu niajn aktivulojn, kiuj faras ĝin; ni klerigu nin mem per iliaj argumentoj; ni subtenu ilin mone kaj morale!

## VENOS VARMA VETERO!

Oni prognozas dumtagan varmecon de 39-41 °C por ĵaŭdo ĝis sabato, poste malpli. Kongresanoj b.v. atenti pri la jeno:

**Ne tro vestiĝu!**
Flankenlasu jakojn ks.

**Trinku akvon abunde!**
(la kranakvo trinkeblas)

**Ne restu ĉe la suno,**
preferu ombrajn lokojn.

Sed nia movado por Esperanto havas alian flankon, same aŭ eĉ pli esencan. Nia ideo estas ankaŭ praktiko. Se neniu parolus kaj uzus Esperanton, la argumentoj por ĝi restus pure teoriaj, same kiel la argumentoj por multaj aliaj planlingvaj projektoj kiuj neniam sukcesis evolui ĝis parolkomunumo. Sed la ĉefa kaj plej konvinka argumento por Esperanto estas tio, ke ĝi funkcias, ke ĝi efektive kunligas mondvastan komunumon de tre diversaj homoj, kiuj uzas ĝin por esprimi kaj plenumi enorman gamon de homaj bezonoj kaj homaj kapabloj. Jes, vi, karaj aŭskultantoj, vi estas la plej konvinka argumento por nia lingvo, ne pro tio, kion vi diras pri ĝi, sed pro tio, kion vi faras per ĝi!

Mi pensas ke ni ofte subtaksas, kiom tiu trajto diferencigas nin de multaj aliaj sociaj movadoj. Pledi por socia ŝanĝo estas unu afero; praktiki socian ŝanĝon estas alia, precipe kiam tiu ŝanĝo estas ankoraŭ tre minoritata elekto. Esti vegetarano antaŭ tridek jaroj, ekzemple, estis en multaj landoj kaj cirkonstancoj malfacila defio! Kaj oni povas esti vegetarano sola, sed por esti aktiva esperantisto oni bezonas aliajn esperantistojn. Niaj pioniroj devis fari grandajn klopodojn por retrovi unu la alian, por krei komunajn tradiciojn, komunajn instituciojn. Kaj ankoraŭ nun, malgraŭ la ekzisto de Interreto, fariĝi kaj resti aktiva uzanto de Esperanto postulas konstantan elektemon, iuspecan rifuzadon simple cedi al la kutimoj de la socio ĉirkaŭ ni. Kiam vi elektas veni al kongreso anstataŭ iri al la plaĝo – aŭ kiam vi iras al la plaĝo, sed kunportas la plej lastan krimromanon en Esperanto – vi samtempe manifestas vian apartenon al tiu ĉi eksterordinara mikrokosmo de homa egaleco kaj homa interkompreniĝo.

Kulturo konsistas el tiaj faroj, el tiaj agoj, el tiaj elektoj. Ĝi estas procezo de konstanta kreado. Kiam ni pensas pri kulturo en niaj modernaj amassocioj, ni ofte imagas nin kiel konsumantoj de la kreaĵoj de aliaj. Sed la kulturo de Esperanto ne estas tia, aŭ ne nur tia. Mia amiko István Ertl iam nomis ĝin "memserva" kulturo; laŭ mi, ĝi estas eĉ "memkuira" kulturo. Zamenhof memkuiris la bazon de la lingvo; aliaj memkuiristoj uzis ĝin por ekkrei siajn proprajn pladojn; kaj la memkuira tradicio daŭras ĝis nun, en hejmoj kaj kafejoj kaj klubejoj kaj retejoj tra la mondo. Kompreneble, ni havas niajn ĉefkuiristojn, niajn homojn kun la tri steloj de Michelin – homojn kiel la karmemora Marjorie Boulton, nia poeto, instruisto kaj eseisto, biografianto de Zamenhof kaj Baghy, kies forpason ni memoras hodiaŭ kaj kies atingojn ni prifestos dum la kongresa semajno. Sed la atingoj de niaj korifeoj eblas nur sur la bazo de populara kuirkulturo konstruita de ni ĉiuj.

Kaj tio kondukas min al la aktuala defio, kiu frontas nin. Ni ĉiuj verŝajne konas la statistikojn, ke ĉiujare centoj da miloj da retaj lernantoj elektas ekstudi Esperanton. Ni ne multe scias pri la motivoj de tiu elekto, sed verŝajne temas pri similaj motivoj kiel por ni ĉiuj: scivolo, idealismo, lingvemo, lernemo. Kaj kiel en ĉiuj kursoj, nur parto de ili daŭrigas la lernadon, aŭ venas al la fino de la unua studplano. Tiun realon ni verŝajne ne povas ŝanĝi. Esperanto estas relative facila, sed ĝi ne estas absolute facila! Ne eblas atendi, ke pli ol kvin aŭ dek procentoj de la eklernantoj persistos ĝis iu baza nivelo de kompetento.

Tamen, kvin procentoj de unu miliono de homoj estas 50 000 novaj potencialaj esperantistoj.Tiajn nombrojn ni ne vidis de multaj jardekoj; eble neniam. Sed la 50 000 ne troviĝas ĉi tie inter ni; nek 5 000; nek eĉ 500 el tiuj novuloj. Mi kompreneble ne volas diri, ke oni devas partopreni Universalan Kongreson por fariĝi vera esperantisto! Sed ni rajtas atendi, ke iu parto de la homoj kiuj trovas sian vojon al Esperanto trovos sian vojon ĉi tien, al nia plej granda kultura festo, la plej okulfrapa pruvo pri la vivanteco de nia lingvo, ĝia popolo, kaj ĝiaj tradicioj.

Mi ne dubas, ke inter ni hodiaŭ troviĝas ĝuste tiaj homoj, kiuj eklernis Esperanton per la reto kaj iom post iom enmovadiĝis. Bonvenon al vi! Sentu vin hejme! Sed ni devas pensi pri la multaj aliaj, kiuj mankas. Tio laŭ mi estas speco de kultura problemo – nia kultura problemo. Mi diris pli frue, ke kulturo konsistas el faroj, el agoj, el elektoj. La elekton lerni Esperanton devas sekvi aliaj elektoj uzi ĝin. Kaj ni devas faciligi tiujn elektojn! Ni devas helpi la novajn retajn lernantojn de Esperanto eksperti ĝian kulturon laŭeble frue, laŭeble ofte, laŭeble ĝue. Ni devas helpi ilin fariĝi memkuiristoj.

Tio estas defio kiun nun alfrontas UEA, kunlabore kun nia junulara sekcio TEJO kaj nia instruista faka asocio ILEI. Antaŭ kelkaj semajnoj ni interkonsentis kun gvidantoj de Duolingo, la plej granda reta lingvolernejo kun ĉirkaŭ du milionoj da retaj lernantoj de Esperanto, kunlabori pri la organizado de lokaj eventoj por tiuj lernantoj. Loka evento povas esti io ajn – renkontiĝo en kafejo, ludvespero aŭ muzika vespero, libroklubo, naturpromenado, progresiga kurso, virtuala renkontiĝo kun grupo de lernantoj en alia lando – la ebloj estas senfinaj. Ni havas la ambicion evoluigi tiun kulturon de lokaj eventoj, varbi kaj trejni kaj subteni lokajn organizantojn, por multe plivastigi la trafikon inter Esperanto kiel lingvo, Esperanto kiel ideo, kaj Esperanto kiel praktiko.

Kaj kia estas tiu praktiko? Nu, vi ĉiuj mem konas partojn de ĝi, ĉar jen vi ĉi tie, aŭskultante min, sentante nian kunecon en ĉi tiu momento, sentante la mirindan forton de la lingvo kiu ebligas tiun kunecon. Sed honore al la Jaro de la Esperanta Kulturo, kies kulmino venas en ĉi tiu kongreso, mi menciu kelkajn aliajn manierojn partopreni en nia memkuira praktiko, ne nur dum unu semajno de la jaro, sed konstante, ne nur en specialaj okazoj sed ankaŭ kiel parto de sia taga aŭ semajna rutino.

Ni povas elekti legi. Ne nur librojn kaj revuojn, la tradiciajn kolonojn de nia kulturo; nuntempe eblas krome legi blogojn, novaĵretejojn, diskut-forumojn, Vikipedion. La Esperanta Vikipedio troviĝas inter la kvardek plej grandaj lingvoj de tiu vaste uzata memkuirita enciklopedio. Ĝi cetere helpos vin orientiĝi en nia literaturo, unu el la grandaj kulturaj atingoj de nia movado, kiun ni diversmaniere prifestas ĉi-semajne. Nepre trovu vian vojon al la Libroservo dum via kongresumado, kaj forportu kelkajn el ĝiaj trezoroj por legi hejme!

Ni povas elektispekti kaj aŭskulti. De jardekoj ni havas niajn radiostaciojn, kiuj provizis tiom da izolitaj lernantoj per vojo al la parola lingvo, kaj krome donis fascinan fenestron al aliaj landoj kaj kulturoj. En la lastaj tri jardekoj disvolviĝis vigla kaj riĉa muzika kulturo, kiu pro la reto iĝis alirebla por iu ajn muzikŝatanto. La mirinda projekto Muzaiko, la unua 24-hora retradio en Esperanto, estas akompanata de pli kaj pli da podkastoj, videoblogoj, kaj ankaŭ vivaj elsendoj per Facebook kaj aliaj kanaloj el kongresoj kiel nia ĉi tie. Nepre esploru, kiel pli regule dum la tuta jaro vi povas ĝui la vidaĵojn kaj aŭdaĵojn de Esperantujo.

Ni povas elekti partopreni.Tradicie ni pensas pri klubvesperoj, semajnfinaj kursoj, lokaj renkontiĝoj, landaj kaj regionaj kongresoj, kaj kompreneble la UK mem. Sed plivastiĝas la elektoj. Jam antaŭ deko da jaroj, responde al la plimultiĝo de retaj lernantoj ĉe la retejo lernu.net, Petro Balázs kaj lia teamo en Slovakio komencis organizi la Somerajn Esperanto-Studadojn, kiuj sukcesis allogi grandan gamon de esperantistoj, de la novaj ĝis la spertaj, de la junaj ĝis la ne plu junaj. En Usono rekreskis la intensa somera kursaro NASK kaj plurfoje aldoniĝis Kino-Teatra Festivalo, en kiu eblas ne nur spekti sed ankaŭ krei artaĵojn filmajn kaj scenejajn. Ĉina Radio Internacia jam dufoje organizis internacian konkurson de mallongaj filmoj pri la temo Teo kaj Amo, en kiu partoprenis konkursantoj el dekoj da landoj. Tiuj laŭ mi estas unuaj ondetoj de granda tajdo de novspecaj aranĝoj, al kiu la kunlaboro inter

UEA kaj Duolingo certe kontribuos. Ju pli ni evoluos al kulturo de aktiva, diversspeca kaj konstanta partopreno, des pli alloga ni fariĝos por tiu nova generacio de retaj lernantoj, kaj des pli ni ĉiuj ĝuos nian esperantistecon!

Laste, kaj egale grave por nia kulturo, ni povas elekti aparteni. Iam, fariĝi esperantisto pli-malpli aŭtomate signifis aliĝi al loka grupo, landa asocio, aŭ UEA – eble ĉiuj tri. Dum jardekoj tio estis la plej evidenta kaj facila maniero ricevi informojn pri la movado, malkovri novajn facetojn de la lingvo, senti sin ano de mondvasta komunumo. Kompreneble tio ne plu necesas en sama grado. Nuntempe iu ajn kun komputilo kaj retkonekto povas ekorientiĝi en Esperantujo kaj eventuale eĉ eksenti apartenon al ĝi. Sed mi estas konvinkita pri la daŭra graveco de membriĝo. Membriĝo estas konkreta ago. Per la pago de kotizo, per la dono de viaj datumoj, vi investas ankaŭ parton de vi mem en kolektiva entrepreno. Nia mondo kaj nia movado bezonas tiajn investojn, en asocioj kiuj transiras la limojn de nacieco, klaso, religio, en kolektivoj bazitaj sur nia komuna homeco. Se Esperanto fariĝas parto de nia identeco – kiel jam okazis por multaj el ni ĉi tie, eble por ni ĉiuj – tiam ni vole-nevole apartenas al tia kultura komunumo, komunumo konstate rekreata el niaj faroj kaj agoj kaj elektoj. Elekti membriĝi – ĉu en UEA, ĉu en landa aŭ faka asocio, ĉu en loka grupo aŭ Esperanto-centro – estas baza konkretigo de tiu aparteno.

Mi fieras pri tiu nia kulturo. Ĝia riĉeco kaj diverseco ŝajnas al mi eksterordinara atingo, kiu rekonfirmas al mi ĉiutage la gravecon kaj valoron de nia afero. En tiu kunligado de mondoŝanĝa ideo kaj mondokrea praktiko, Esperanto faras unikan kaj radikalan kontribuon al la monda kulturo. Kaj la portantoj kaj vivigantoj de tiu kulturo estas vi, karaj kongresanoj. Mi dankas kaj gratulas vin ĉiujn pro viaj kontribuoj al tiu ĉi granda entrepreno. Bonvenon al nia komuna kultura festo! Bonvenon al Lisbono! ∎

# Parolado de Mireille Grosjean okaze de la solena inaŭguro

Saluton al ĉiuj!!

En la jaro 1948 komisiono de Uniĝintaj Nacioj sub la gvidado de Eleanor Roosevelt verkis la Universalan Deklaracion de la Homaj Rajtoj, kiun la Ĝenerala Asembleo aprobis.

En la jaro 539 antaŭ Kristo aperis la Ciro-cilindro en Persio; tiu dokumento entenas tekston, kiu estas konsiderata kiel la unua deklaracio de la homaj rajtoj. Poste ni nepre menciu 1222, la ĉarton de Manden, en Malio, laŭ kiu «ĉiu vivo egalas al alia vivo». Okaze de la franca revolucio en 1789 aperis nova teksto, deklaracio pri homaj rajtoj.

En 2018 Unuiĝintaj Nacioj festas la 70-jaran datrevenon de la Deklaracio. Por fari tion, UNESKO lanĉis konkurson: kiu verku muzikpecon por festi tiun eventon? Tute hazarde en trajno mi renkontiĝis kun la gajninto, komponistino Colette Mourey, kiu verkis muzikon laŭ poemo de Emile Céard. La muzikpeco estas kantato. Tuj ŝi konsentis, ke la verko estu tradukita al Esperanto. Imagu, ke okaze de solenaĵo en UNESKO audiĝu kantato en Esperanto! Tamen mi ne ankoraŭ trovis tradukiston! Se vi pretas traduki poemon el 112 versoj, bonvolu ekrilati kun mi, mi transdonos al vi la poemon kaj la muzikon, ĉio kuŝas en mia komputilo. Ni nepre devas sukcesi en tia laboro!

Mi deziras al vi belan kongreson! **kn533**

# Salutmesaĝo de Audrey Azoulay, Ĝenerala Direktorino de UNESKO

Okaze de la UniversalaKongreso de la Universala Esperanto-Asocio, Lisbono, la 29-an de julio 2018

Mi estasfeliĉa povi sendi ĉi tiujn subtenajn vortojn al la partoprenantoj de la 103-a Universala Kongreso de la Universala Esperanto-Asocio.

Vi havas la ŝancon kunveni en tiu belega urbo Lisbono, urbo ligita al vasta historio, kiu konstruiĝis en vojkruciĝo kun diversaj kulturoj, urbo malfermita al la mondo, tutokcidente en la Iberia duoninsulo.

Mi ne dubas, ke tiu elstara kadro sukcesos inspiri al vi fruktdonajn interŝanĝojn.

Kiel vi scias, UNESKO subtenas la instruadon de Esperanto ekde multaj jaroj.

Estas fakto, ke nia Organizaĵo dividas kun la esperantista Movado komunajn valorojn: esperon en konstruado de paca mondo, harmonian kunvivadon inter la popoloj, respekton al kultura diverseco, solidarecon trans la limoj.

La cemento de ĉiuj tiuj valorojestas la kapablo dialogi, aŭskulti, interkomunikiĝi.

Lingvoj estas la vektoro, kiu ebligas tiun dialogon; ili konsistigas do la esencan ilon por atingi la celojn, kiujn ni devas konkretigi, kaj same por defendo de niaj valoroj.

Ni devas defendi la lingvojn, ĉefe la maloftajn lingvojn, la indiĝenajn lingvojn, pri kiuj ni scias nuntempe, ke ili malaperas en ritmo de unu malapero dufoje monate. Tio estas giganta perdo por la homa heredaĵo. Ni devas plie defendi plurlingvismon en la instruado per adekvataj publikajpolitikoj, sed ankaŭ en la virtualaspaco de la Reto, tielke plu vivu la lingva kaj kultura diverseco en ĉiuj homgrupoj. Gravas, ke ĉiu sukcesu esti en kontakto kun sia historio, sia identeco kaj la simbolaj resursoj de sia origina etno.

Tiu agado de UNESKO ankaŭ estas **via** agado. Ĉar Esperanto ne volas forviŝi la grandan kvanton da parolataj lingvoj en la mondo; male ĝi reprezentas taŭgan ilon por komuniki en respekto de ĉiuj lingvoj, ĉu minoritataj, ĉu de la plimulto. Ĝi ebligas ekziston de homgrupo de parolantoj sendependaj de iu ekonomia, politika aŭ kultura hegemonio.

Paroli Esperanton estas alten iri kaj atingi kosmopolitikan konscinivelon, esti mondcivitano – sen forlasi siajn apartajn ligojn.

Via elektita temo por via kongreso en tiu ĉi jaroestas: «Kulturoj, lingvoj, tutmondiĝo: kien nun?»

La elektenda direkto certe estas tiu, kiun via Movado kaj nia Organizo montras de jaroj: engaĝiĝi pli kaj pli por savi kaj vivteni tiun esencan parton de la nemateria homara heredaĵo: la lingvojn. Defendi la lingvan diversecon kaj kuraĝigi al plurlingva edukado.

Tiel ni sukcesos konstrui mondon pli malfermitan, pli inkluzivan kaj pacan.

«Multaj voĉoj, unu mondo» Jen la slogano de nia famekonata organo *UNESKO-Kuriero*.

«Multaj voĉoj, unu mondo», tiel tradukiĝas al Esperanto tiuidealo, kiun vi kaj ni havas – kaj kiu staras sur la versio de nia revuo, kiu nun aperas en Esperanto: *UNESKO-Kuriero*.

Finfine mi volas transdoni, nome de UNESKO, el korajn bondezirojn pri la sukceso de via Kongreso.

**Aŭdrey Azoulay, ĝenerala Direktorino de UNESKO**

# El la libroservo por vi



*La teorio Nakamura*, de Anna Löwenstein. Partizánske: Espero, 2018.

La eldonejo Espero ĵus eldonis du librojn pri sciencfikcio, kiuj apartenas al du apartaj specoj de verkoj, ĝis nun malmulte reprezentitaj sur niaj bretoj. La unua libro titoliĝas La teorio Nakamura kaj estas la libroforma eldono de la reta kurso samnoma verkita de Anna Löwenstein kaj aperanta en la retejo Lernu.net. Ĝi konsistas el ĉapitroj ĉiam pli altaj laŭ la lingva nivelo, kiu komenciĝas en A1 kaj venas al B1 en la fino. Ĝi povas do esti konceptita kiel laŭŝtupa libro adaptita al la lingva nivelo de komencantoj. La logan historion akompanas tre belaj, multkoloraj desegnoj. Unuvorte, temas pri tre rekomendinda libro por komencantoj. Donacu ĝin al tiu amiko, kiu volas progresi en la lingvo.



*La Tago de Kiborgiĝo / The Day We Became Cyborg*, de Hju Rid. Partizánske: Espero, 2018

La alia libro estas dulingva, verkita de skota aŭtoro. La tekstoj de la rakontoj aperas paralele en ambaŭ lingvoj, angla kaj esperanto, en maldekstra kaj dekstra paĝoj, kio ebligas komparon kaj lernadon de strukturoj kaj vortprovizoj al anglalingvaj progresantoj aŭ, inverse, al esperantistoj studantaj la anglan. La temoj estas modernaj, allogaj, ekzemple greftado de teknologioj sur la korpo, kio iam eble estos normala en niaj socioj en ne tro fora estonteco. Kiel interludo aperas jen kaj jen pensigaj eseoj. Krome, ĉar ĝi konsistas el sendependaj rakontoj, oni povas pluki unu el ili laŭplaĉe, sen la neceso sekvi difinitan ordon. Tre interesa libro, tute aktuala kaj leginda.

**Suso Moinhos**

Lundon mi **perdis** en la akceptejo rozkoloran **jaketon** el lano. Bv. redonu ĝin al mi. Edith Henrici **kn719**

# Kolofono:

*Taĵo Nia* kongresa kuriero de la 103-a **Universala Kongreso** de Esperanto, en Lisbono, Portugalio, de la 28-a de Julio ĝis la 4-a de Aŭgusto, **2018**.
**Kunredaktas (krKK)**: Suso Moinhos kaj António Martins-Tuválkin
*Novan numeron ĉiumatene en la halo kaj ĉe* esperanto.pt/tn3

Kontribuojn b.v. sendu al kuriero@esperanto.pt aŭ ankaŭ papere kun **kn** aŭ nomo al iu ajn LLK-ano nepre **ĝis la 18:00** ĉiutage!

# Mesaĝo de Imre Ferenczy

Permesu al mi, ke mi salutu la partoprenantojn de la 103-a Universala Kongreso de Esperanto. Ĝoje mi informas vin, ke el tiuj 103 kongresoj mi jam ĉeestis entute 40 UKojn, lastfoje en Nitra antaŭ kelkaj jaroj. Kore mi salutas ĉiujn kongresanojn kaj deziras agrablan restadon en Lisbono.

Kore kaj samideane:
**D-ro Imre Ferenczy**
honora membro de UEA

# Eŭropa Komisiono de UEA

La Eŭropa Komisiono de UEA kunsidos dufoje dum la Universala Kongreso:
— mardon, la 31-an de julio, 11h00-12h30 (publika kunsido)
— ĵaudon, la 2-an de aŭgusto, 12h45-13h45 (fermita kunsido)
Ambaŭ kunsidoj okazos en salono Barreto. **kn565**

# Kongresa temo 3

*Mardo, la 31-an de julio. 15h15-16h45, Sacramento*

La dua sesio de la kongresa temo pritraktis la unuan mondmiliton (1914-1918). Tiam internaciistaj kaj pacistaj homoj kiel la esperantistoj devis alpreni posiciojn pri la milito. Ĉu ili defendus sian landon? Danke al detala prezento de Ulrich Lins, ni lernis pri Paul Otlet, Gaston Moch, Henri La Fontaine, Alfred Fried kaj multaj aliaj intelektuloj amikoj de Esperanto. Poste, Bernhard Tuider elegante enkondukis nin en la granda (kvante kaj kvalite) havaĵo pri la unua mondmilito de la Esperantomuzeo kaj de la Kolekto por Planlingvoj de Vieno (Aŭstrio). Tiu juvelo de nia movado kreiĝis en la intermilita periodo kaj ankoraŭ hodiaŭ utilas kiel referenco por la ceteraj esperantaj bibliotekoj. Anekdote, en ĉiu bona biblioteko devas esti la verkoj de du aventuremaj hungaroj: Julio Baghy kaj Tivadar Soros. Kaj al ili Humphrey Tonkin dediĉis sian pensigan kontribuon. Temas pri viktimoj de la milito, kiuj montras al ni la homan kapablon transvivi. Kiel verŝajne ĉiuj jam scias, pluraj el tiuj diskutoj troveblas en la libro Antaŭ unu jarcento. La granda milito kaj esperanto, ĵus eldonita de SAT kaj kiu aĉeteblas en la libroservo.

Ĉiu milito havas terurajn efikojn, kaj inter ili elstaras la amasa migrado de rifuĝintoj. Jen unu el la ĉefaj temoj pri kiu oni diskutis pasintjare dum la universala kongreso de Seulo. Alivorte, esperantistoj aparte interesiĝas pri tiu socia fenomeno. Kompreneble, ankaŭ tio okazis post la unua mondmilito. Inspira agado prie estis la alveno al Hispanio de 300 infanoj el malriĉa kaj detruita regiono de Aŭstrio. Ili loĝis en Hispanio dum unu jaro, danke al la solidara kaj efika perado de aŭstraj kaj hispanaj esperantistoj. Kurioze, Josep Franquesa, la nuna presidanto de Kataluna Esperanto-Asocio kaj Honora Membro de UEA ekde tiu ĉi universala kongreso en Lisbono, lernis Esperanton de unu el tiuj knabinoj, kiu restis en sia nova hejmlando la ceteron de sia vivo. Fakte, kiel atentigis Tonkin hieraŭ, nuntempe ni havas plurajn elementojn similajn al la situacio de antaŭ unu jarcento. Ĉu ni denove stumblos? En la tria sesio de la kongresa temo ni klopodos respondi al tiu ĉi demando kun la helpo de tri interesegaj esperantistoj, kiuj kuraĝe agadas en pluraj projektoj pri tiu ĉi temo, loke kaj ankaŭ internacie: Annie Grente, Klara Ertl kaj Pieter Engwirda. Ne maltrafu ĝin! **kn458**

# Infana Kongreseto

Kiel kutime, matene okazos origamio, manlaboroj, teatrumado, kurso kaj ludoj por praktiki Esperanton. Posttagmeze ni faros sportajn olimpiajn ludojn, eble vizitas muzeon en la urbo Almada. **kn162**

# Omaĝo al Marjorie Boulton

En salono Carreira (10h15-11h45) okazos omaĝa ceremonio al Marjorie Boulton, forpasinta pasintjare. Dum la ceremonio, reĝisorota de Claude Nourmont kaj Michela Lipari, pluraj eminentaj voĉoj omaĝos la verkaron de nia karmemora poetino. **kn49**



# TAĴO NIA

**Kongresa Kuriero de la 103a Universala Kongreso de Esperanto**

**Lisbono** Jaŭdon, la 2-an de aŭgusto, 2018 n-ro **5**


## Per balon' al la ĉielo

Verŝajne senprecedenca estis la balonvojaĝo kiu okazis lundon. Ĝiaj kuraĝaj okupontoj estis portataj tre frue, je la 04h30, al la kamparo en regiono Alentejo. Tie ili spertis la ŝveligon de aerostataj balonoj kaj poste horon kaj duonan de naturspektaklo el la ĉielo, kiu komenĉiĝis kun la sunleviĝo kaj daŭris per flugado super kampoj, korkaj arbaroj, vilaoj, maizkulturejpoj, kamparaj biendomoj kaj rivero Sorraia, kies akvon ni preskaŭ povis tuŝi ĉe malleviĝo. Ni ankaŭ navigis en kaj super la nubojn. La freŝega herbodora aromo de la kampoj kaj la silento, interrompita nur de la


MolnarM

flammekanismo, levis nin en kaj sur la nubojn je proksimume 950 metrojn tra 37 km kaj ni povis diversfoje leviĝi kaj malleviĝi dank' al la prarimedo de varma kaj malvarma aero ŝveliganta la balonon. La grupo de 25 homoj estis organizita en du grupojn, unu kun nur 6 navigistoj. Tiu ĉi lasta spertis iom nekutiman alteriĝon ĉar ĉe la terola kesto renversiĝis la korbo kaj ĉiaj okupantoj iom flugis ser nur unu sur la alian… tamen neniu vundo konstateblis kaj fine tio taŭgis nur por amuza anekdono. Fine de la vojaĝo ni tostis per ŝampano. **kn200**


EKovtonjuk

## Aŭtoraj duonhoroj:

Plia Aŭtora Duonhoro aldoniĝis al la jam tre densa programo: vizitu la Libroservon kaj interkonatiĝu kun la aŭtoroj kaj iliaj verkoj!

09h30: YU Jianchao
10h00: Hju RID
11h00: Heidi GOES
14h00: Tatjana AUDERSKAJA
16h00: Abel MONTAGUT
16h00: João José SANTOS **kn49**

## Belartaj konkursoj

Atentu pri salonŝanĝo! Anstataŭ kiel anoncite, la premiceremonio de la Belartaj Konkursoj okazos ĉe **Salono Lapenna**, en la rektorejo de la universitato. **kn49**




### Jarlibro 2018 aperis

Tiu ĉi foto venas el Finnlando, kie Jarlibro 2018 jam atingis la leterkestojn. Sekve, kara kongresano, la plej grava movada ĝisdatigilo jam atendas vin hejme! **uea**

RR

## Infana Kongreseto

Mercrede: Komuna ekskurso de kvindeko da IIK-anoj kun kvindeko de UK-anoj per 2 busoj. Sur velboato ni vizitis balenojn, poste banis ĉe belega plaĝo en Troia, fine serĉos akvobirdojn en naturrezervejo.

Ĵaŭde: Post la antaŭtagmeza luda programo por praktiki la lingvon, ni vizitos posttagmeze la grandan oceanan akvarion en Lisbono kaj la apudajn akvoparkojn. **kn162**

## EKVARMEGON HODIAŬ!

Oni prognozas dumtagan varmecon de 39-41 °C por hodiaŭ ĝis sabato, poste malpli. Kongresanoj b.v. atenti pri la jeno:

### Ne tro vestiĝu!
Flankenlasu jakojn ks.

### Trinku akvon abunde!
(la kranakvo trinkeblas)

### Ne restu ĉe la suno,
preferu ombrajn lokojn
kaj/aŭ surmetu ĉapelon.

# Bankedo kaj balo brile!


SO Jinsu

La plej sukcesa bankedo de la lastaj jaroj okazis en Centro Cultural de Belém kun 200 partoprenantoj. La delica menuo ne lasis iun ajn malsata kaj prezentis abundon la ekskvizitaj pladoj. Bankedanoj rimarkigis ke la fluo de vino estis senĉesa ĉi-jare.

Post la kutima parolado de la UEA-prezidanto venis la dua ĉefplado kaj en tiu momento, ekstere, sur la teraso, komenciĝis la Kongresa Balo, kie centoj da kongresanoj povis amuziĝi kaj ĝui la belan etoson de la muziko de la konata E-diskĵokejo Leo Sakaguchi kaj aprezi la bela vidon al la rivero Taĵo kaj al la Monumento al la Malkovroj. Fine la vespero ŝajnis tro mallonga dank' al la bela Esperanta etoso. **aa**

# Festlibro Ulrich Lins

Fine de la kunsido de CED, en salono Yamasaki, okazis transdona ceremonio de Festlibro al d-ro Ulrich Lins, historiisto kaj Honora Membro de UEA, okaze de lia 75-a naskiĝtago. La Festlibro estis kunredaktita de Gotoo Hitosi (ĉefr.), José Antonio Vergara kaj Kimura Goro Christoph kaj ĝi estis eldonita de la eldonejo Mondial; troveblas en ĝi 32 kontribuoj de diversaj aŭtoroj. La ĉefredaktoro gvidis la transdonan ceremonion. **kn49**

# Interancia Jurista Esperanta Asocio

Dimanĉe posttagmeze okazis la asemblea kunsido de IJEA. Unu el la programeroj koncernis al elektado de nova estraro. Oni rifuzis la volon de Faria de Bastos lasi la estraron kaj li estis reelektita kiel prezidanto por nova jartrio. **kn1**

# Ateismaj kunvenoj

La publika kunveno de ATEO (Ateista Tutmonda Esperanto-Organizo) okazos ĵaudon matene je 10.45-11.30 en salono Almeida. La temo estos "Apartigo de ŝtatoj kaj religio". Ankaŭ nemembroj estas invitataj ĉeesti kaj partopreni en la diskuto.

La fermita kunsido por membroj kaj interesatoj jam okazis dimanĉon posttagmeze. Ĉeestis 18 homoj, kiuj diskutis praktikajn aspektojn de la administrado, ekzemple rilate al la presado de la revuo, plivigligo de la retpaĝaro, kreado de diskutlisto, ideoj por estontaj agadoj, kaj simile. La retejo de ATEO troviĝas ĉe http://ateisto.org/. ATEO ankaŭ havas paĝon en Facebook. **kn679**

# Kunveno de komunistoj

En plena salono kun 26 aŭskultantoj oni interŝanĝis opiniojn kaj spertojn pri la komunistaj partioj tra la mondo. Per retlisto oni komunikos pri ĝi, ĉar mankas la papera organo *Internaciisto*. **kn712**

# Nefumantoj strebadas

La kunvenon de nefumantoj (TADEN, dimanĉon, 16h, salono Almeida) ĉeestis sep personoj el Ĉinio, Hispanio, Nederlando kaj Pollando. Disdoninte la du ĉi-jarajn numerojn de *Puraj Pulmoj*, ni traktis administrajn punktojn (manko de estraranoj, apobo de la kotizoj (5 €; 3,50 €), ni klarigis la strebadon en Nederlando por senfuma generacio (foje iniciatas infanoj mem, pli saĝaj ol pli aĝaj; forigo de cigaredaj paketoj kaj fumbudoj el la vido de preskantoj...).

Kurioza rutinaĵo de pip-armita kongresano ade invitas fondi fum-asocion. Ni atentigis pri la respondeco averti ekdrogiĝemulojn, ke eĉ unu cigaredo tage pliofteigas korafekciojn kaj apopleksiojn, kaj ke trompe la agoniantojn ni ne vidas, ĉar ili kaŝiĝas, samkiel mortontaj birdoj. **kn38**

# LIBE kunvenis

La kunvenon de Ligo Internacia de Blindaj Esperantistoj (dimanĉon, 17h00) ĉeestis 20 personoj, inter kiuj 6 vidantoj. Prezidis la akademiano Otto Prytz (Norvegio). Li klarigis ke LIBE aktivas ĉefe per kongresoj kaj sia periodaĵo, sed ankaŭ per legeblaj eldonaĵoj. La Internacia Kongreso de Blindaj Esperantistoj ĉi-jare okazis en Zagrebo (Kroatio) kun 38 partoprenantoj. Prefere ĝi proksimu al la UK, kiel sekvontjare en Lahti (Finlando), kio revigligas la finnan *Steleto*.

*Esperanta Ligilo*, la dua plej aĝa revuo, kontinue aperas ekde 1904, nuntempe brajle, elektronike, grandlitere kaj voĉe. Grandan malhelpon donas bildoj kaj grafikaĵoj en platskribaj eldonaĵoj, stumbligante leg-aparatojn.

Longan aplaŭdon ricevis la LIBE-kasisto Pier-Luigi da Costa, kiu voĉigis la tutan Plenan Ilustritan Vortaron, inkluzive de plenaŭdigo de la vinjetoj kaj mallongigoj. **kn38**

# Anstataŭ tramojn atelieron pri la portugala

Ĉi-marde oni planis okazigi prelegon pri lisbonaj tramoj, kiun multaj kongresanoj atendis. Bedaŭrinde je horo de planata komenco de la prelego oni sciigis nin pri ĝia nuligo ĉar montriĝis, ke la prelegonto estis alie okupata (Ĉu eblas, ke hodiaŭ planita prelego pri la lisbonaj tramoj tamen okazos alitage?). Por ne perdi okazon ĉeestantoj demandis ĉu anstataŭe iu povas instrui la portugalan lingvon. Danke al afabla instruisto Suso Moinhos el Galegio ni lernis bazajn portugallingvajn esprimojn partoprenante improvizitan atelieron: lernante kiel saluti, pardonpeti ktp. renkontiĝante kun kelnerino en aviadilo, mendante trinkaĵojn ĉe ŝi, mendante ĉambron, petante helpon pri nefunkcianta elektronika ŝlosilo en la hotela akceptejo, demandante pri vojo ktp. Tio estis mallonga sed tre utila kaj antaŭ ĉio praktika leciono, kiun aktive partoprenis diverslandaj ĉeestantoj. La ĉambro rapide pleniĝis. Kelkaj personoj ĝenis aŭskultantojn enirante kaj elirante tutan tempon dum la prelego sed tamen ĝi estis sukcesa, partopreninda kaj miaopinie suplementis (kompletigis) la serion de prelegoj „Portugale ekssprese" kiun multaj partoprenas kun granda intereso. **kn859**

## Gravaj informoj pri la KER-ekzamenoj

**Ekzamentago:** Vendredo, la 3a de aŭgusto

Aŭdkomprenaj partoj por kandidatoj de parola aŭ kompleksa ekzamenoj:

12h15 - 13h00 B1 Kompleksa kaj nur parola partoj
Salono Nguyen

12h10 - 12h50 C1 Kompleksa kaj nur parola partoj
Salono Macedo

13h00 - 13h45 B2 Kompleksa kaj nur parola partoj
Salono Macedo

Skribaj ekzamenoj por la kandidatoj de la kompleksa kaj skribaj ekzamenoj

14h00 - 16h00 B1 Kompleksa kaj nur skriba partoj
Salono Macedo

14h00 - 18h00 C1 Kompleksa kaj nur skriba partoj
Salono Macedo

15h00 - 18h00 B2 Kompleksa kaj nur skriba partoj
Salono Macedo

Dume disvolviĝos individuaj parolaj ekzamenoj ekde la 9h00 dum la tuta tago en salonoj Han kaj Nguyen. Detalan horaron vidu ĉe https://edukado.net/ekzamenoj/ker/sesioj/horaro. Bonvolu aperi en la indikitaj lokoj je 15 minutoj pli frue!

## Kion faru EDE?

"Eŭropo Demokratio Esperanto" havis sian trian kunsidon dum la UK la 30an de julio 2018, sub la temo: Kion ni faru?

Kontribuoj de la partoprenantoj al la debato:

Post la briteliro, ĉu ankoraŭ rolo de la angla? La angla iĝas internacia neŭtrala lingvo; aperas problemo: trovi alian internacian lingvon. Ne kontraŭi la anglan. La angla ne estas efika ilo: nur 25 % da eŭropanoj bone regas ĝin, kaj ĝi multe kostas. Kontraŭi la frazon «ĉiuj parolas la anglan».

Kunlabori kun aliaj partioj pri demokratio.

Mankas sento de eŭropa civitaneco kaj aneco (ekzemple mankas eŭropaj televidaj kanaloj, ktp).

Krei novan universitaton, ĝeneralan, eŭropanan, kiel fonton de novuloj en la movado.

Obstaklo al eŭropa demokratio kaj eŭropa civitaneco: malsamaj rajtoj en diversaj landoj (ekzemple la voĉdonaj leĝoj).

Konsciigi ke la Eŭropa Unio estas endanĝerata.

Uzi sociaj retoj por propagandi per videaĵoj (ekzemple montrante la facilecon de esperanto).

Krei forumon por dialogi inter civitanoj.

Procesi kontraŭ la Eŭropa Komisiono pro malrespekto de la Lisbona Traktado pri multlingvismo en la eŭropanaj instancoj.

Sendi leterojn al niaj parlamentanoj en iliaj lingvoj por proponi la uzo de esperanto. Dialogi inter ni per la *google*-grupo ede https://groups.google.com/forum/?hl=eo#!forum/ede-eu.

Rezulto de konkurso de videofilmoj (franca asocio de EDE): La ĵurio decidis doni la unuan premion al filmeto de Jean-Emmanuel Scarfiglieri, videbla ĉe https://youtu.be/gEotjmurPq8 **kn792**

## Prelegoj pri Portugalio: 1

La prelegon akompanis samtempa projekciado de koncernaj lumbildoj. La salono estis preskaŭ plena. Ĉar mi parolis dum 1h30, ne restis tempo por sekva debato, sed multaj petis mian retadreson por poste peti de mi sinoptikon. **kn1**

## Kongresa temo 4

*Ĵaude, la 2-a de julio. 16h45-18h00, Sacramento*



Plenplena salono marde. Preskaŭ 30 homoj intervenis en la tria sesio de la kongresa temo! Jen pruvo de la enorma intereso inter la esperantistoj pri la temo de rifuĝintoj kaj migrantoj. Interesitoj povas legi samteman artikolon "Per Esperanto por la rifuĝantoj" en la novaĵretejo *La Balta Ondo* http://sezonoj.ru/2017/12/rifugantoj.

Unu el la podianoj, Klara Ertl (desktre surfote) prezentis sian agadon kadre de UNITED por Interkultura Agado, kiu ekde 1993 registras la nomojn, devenlokojn kaj kialojn de morto de pli ol 34 000 rifuĝintoj kaj migrantoj, kiuj, provante aliri Eŭropon, mortis pro la strikte limigaj politikoj de "Fortikaĵo Eŭropo". Pliaj detaloj tiurialte oni povas peti ĉe listofdeaths@unitedagainstracism.org

Aliflanke, celante instrui legadon per Esperanto al virinaj rifuĝintoj en Turkio, Annie Grente (maldestre surfote) ŝatus ricevi tekstojn en facila lingvo, por helpi instrui legadon per Esperanto (facila lingvo sed tekstoj kun signifo, ŝi aldonas), kaj ankaŭ subtenajn leterojn por kuraĝigi virinojn lerni per Esperanto. Antaŭdankas: anniegrente@hotmail.fr

Interese, en la sesio ĉeestis almenaŭ unu homo, kiu estis li mem rifuĝinto. Temas pri litova samideano, kiu alproksimiĝis al la reĝisoro post la sesio por klarigi siajn travivaĵojn en 1944.

Ĵaude okazos la lasta sesio de la kongresa temo: "Agade socie per Esperanto." En ĝi ni aŭskultos la pripensojn, proponojn kaj spertojn de Fabrício Valle, José María Salguero kaj Rakoen Maertens. Kune kun la diskutoj de la antaŭaj sesioj, ili estos la bazo de la ĉi-jara kongresa resolucio. Kien nun? Venu esprimi vian opinion prie! **kn458**

## Nitobe-demandaro

Por la venonta Nitobe-Simpozio, kies enhavo nun temas pri Universitato kaj Esperanto, kelkaj prezentos rezulton de studo pri la **regado de la angla**. Se vi akceptas partopreni, la demandaro troviĝas en tiu loko: https://goo.gl/9Wxspc Nur bezonas 5 minutojn por partopreni. **kn559**

## Venu kunfesti la 50-jariĝon de ESF!

Ĉi-jare ESF fariĝas 50-jara! Venu aŭskulti prelegon de Humphrey Tonkin, unu el la kunfondintoj kaj la nuna prezidanto de ESF. Dum la prelego okazos la subskribo de la nova kontrakto inter ESF kaj Lernu, kiu fariĝas nun sendependa organizaĵo.

Notu la **ŝanĝon** en la horaro! La prelego okazos en **vendredo**, 11:30-12:15 en la ĉambro Sacramento (do **ne** plu en mardo 10:45 en Yamasaki). **kn1279**

# El la libroservo por vi

*Mi inventas la mondon*, de Wisława SZYMBORSKA, el la pola tradukis diversaj. Bjalistoko/Đurđevac/Krakovo/Świdnik: Podlaĥia Libraro Łukasz Górnicki/Bjalistoka E-Societo, 2015




Jen libro kun trajto tre malofta en nia tradukita literaturo: antologio de unuopa aŭtoro. Sed sendube Wisława SZYMBORSKA meritis tiun honoron. Ŝia talento estis tutmonde agnoskita post kiam ŝi ricevis la Nobel-premion en 1996.

La traduko en Esperanton postulis unue elekton de la plej elstaraj aŭ konataj tekstoj, kaj tiun taskon plenumis Wojciech LIGĘZA, bona konanto de la verkoj de la aŭtorino. Ankaŭ li okupiĝis pri la enkonduko. Skipo okopa tradukis la poemojn, kun diversaj rezultoj stilaj laŭ la preferoj de ĉiu farinto, sed samtempe donante al la verko necesan aspekton kalejdoskopan, kian havas ankaŭ la originaloj.

Temas pri libro granda, kun pli ol 300 paĝoj, kio igas ĝin perfekta donaco por ŝatantoj de poezio kaj de virinaj literaturaj voĉoj. La ŝajne simplaj versoj de la pola aŭtorino entenas ŝiajn impresojn kaj meditojn pri la ĉirkaŭo kaj certe ravos ĉiun leganton.

**Suso Moinhos**

# Meso por la mortintaj esperantistoj

Dum la meso la 2-an de aŭgusto oni preĝos por mortintaj esperantistoj. Aparte okaze de la 10-a mortdatreveno oni memoros pri iama prezidento de UEA LEE Chong-Yeong kiu estis katoliko kaj membro de IKUE. Same oni memoros pri sacerdoto Lajos KOBOR, mortinta antaŭ tri monatoj kiuj dum pluraj UK organizis la Ekumenajn diservojn kaj la mesojn. La meso okazos je la 13-a horo en preĝejo Igreja dos Santos Reis Magos, Campo Grande 244 — 650m oriente de la kongresejo.

(En la dimanĉa kuriero aperis eraro. Ĉiutagaj mesoj estos en Esperanto!) **kn137**

**Bildoj en tiu ĉi numero:** Ĉiuj rajtoj rezervitaj por ĉiuj indikitaj kaj neindikitaj bildaŭtoroj. **KK**

# Ĝemelurba fotekspozicio

Ĝemelaj urboj estas komunumoj kiuj mem elektis transliman longatempan partnerecon kaj kunlaboradon kaj kutime troviĝas intence ne en pleja proksimeco, sed celas transponti kulturajn diferencojn kaj interkomprenigi la urbanojn. Ofte ĝemelaj urboj situas ne nur en malsamaj landoj, sed eĉ en malsamaj lingvo-regionoj.



Inter 1979 kaj 1995, Lisbono ĝemeliĝis kun 14 urboj. Madrido (Hispanio), Budapesto (Hungario), Guimarães (Portugalio), Rabato (Maroko) kaj dek aliaj kiuj antaŭe apartenis, kiel provincaj aŭ koloniaj ĉefurboj al la portugala imperio: Rio-de-Ĵanejro (Brazilo; foto supra), Maputo (Mozambiko), Makao (Ĉinio), Prajo (Kaboverdo; foto infra), Malako (Malajzio), Bisaŭo (Gvineo Bisaŭa), San-Tomeo (San-Tomeo kaj Principeo), Luando (Angolo), Cachéu (Gvineo Bisaŭa), Salvador (Brazilo).

Videblas apud la amfiteatroj (salonoj Yamasaki kaj Sacramento) fotoekspozicio kiuj celas diskonigi la ĝemelajn urbojn de Lisbono kaj kelkajn kuriozaĵojn pri la kulturaj kaj historiaj ligoj inter ili. **kn62**




# Kolofono:

*Taĵo Nia* kongresa kuriero de la 103-a **Universala Kongreso** de Esperanto, en Lisbono, Portugalio, de la 28-a de Julio ĝis la 4-a de Aŭgusto, **2018**.

**Kunredaktas (krKK)**: Suso MOINHOS kaj António MARTINS-Tuválkin

*Novan numeron ĉiumatene en la halo kaj ĉe* esperanto.pt/tn5

Kontribuojn b.v. sendu al kuriero@esperanto.pt aŭ ankaŭ papere kun **kn** aŭ nomo en keston en la halo nepre **ĝis la 18:00** ĉiutage!


# Eraro

Ni petas pardonon pro eraro en la n-ro 3 de nia organo. En la artikolo "Parolu kun Katalin kaj Sylvain", ni devintus diri Sylvain LELARGE anstataŭ Sylvain AUCLAIR.

En la apuda "KER-ekzamenoj", bv. legi prepar-kunvenon anst. prepar-kunveno kaj senŝanĝe anst. senŝange. **KK**

*Feliĉan datrevenon al la KKS!* **KK**

Pasintan dimanĉon mi perdis poŝtelefonon. Se iu trovis ĝin, bv lasu ĝin en la sekretariejo de la kongreso. Dankon! **kn1315**

# Kongresaj limerikoj

okazis kongres' en Lisbono
laŭ jur-fakultata leĝdono:
en plej strikta ord'
ŝlosiĝis la pord'
je horo dek ok kaj duono!

**kn1150**

En tramo Lisbona fripono
tentata ŝteleme de mono
el poŝo kaŝprenis,
sed Anna lin tenis
kaj gajnis per forta opono.

**kn615** (pri kn609)

# La vesperto





Post jarcentoj la vesperto
revenas Koimbron.
Tuj kiam ĝi eniras en la universitaton,
stranga sento ekpremis
sian koron. Neatendite la okuloj malĝoje eklarmis.
Ĉu la amata biblioteko rememorus ĝin?
Kredu min, leganto aminda,
eĉ fantomaj vespertoj spertas amsuferojn!

**kn204**

# TAĴONIA

Kongresa Kuriero de la 103a Universala Kongreso de Esperanto

**Lisbono** Vendredon, la 3-an de aŭgusto, 2018 n-ro **6**

## TEJO festas 80 jarojn!




Vendrede inter 12:30-14:00 okazos la programero "TEJO 80-jariĝo» en Sacramento. Ni, TEJO, ŝatus inviti niajn prezidintojn, patronojn, membrojn kaj kongresanojn al nia ceremonio. Ni antaŭĝojas vidi vin kaj kune festi la gravan datrevenon de la organizo. **kn1451**

## Futbale pluas la malbeno: Esperanto 1-7 Lokanoj

MBloudek



Suficîs nek trukoj nek hazardoj: Portugalio, ĵusa ĉampiono pri junula futbalo, gajnis per "veterana" loka teamo (A.D.Q.C.) kontraŭ la esperanto-kongresa selektitaro je senduba rezulto: 1-7. Plian jaron da densa malluno; en Lahti stelo briletas. **kn59**

MBloudek



## Foto-konkurso pri la 103-a UK en Lisbono

Ni invitas ĉiujn kongresanojn afiŝi siajn plej belajn fotojn ĉe http://facebook.com/groups/Universala.Esperanto.Asocio/ La foto plej ŝatata de la forumanoj gajnos premion de UEA **kn46**

## Kiel enmovadigi la lernantojn de Duolingo?

Pli ol 1,7 milionoj da homoj eklernis Esperanton per Duolingo. UEA helpos trovi evento-gastigantojn, kiuj jam bone konas Esperanton, kaj Duolingo prizorgos invitojn al tiaj lokaj eventoj por lernantoj, kiuj iom progresis en la Esperanto-kurso.

Gastigantoj estas volontuloj, kiuj organizas interesajn, agrablajn eventojn, kie Esperanto-lernantoj de ĉiuj niveloj lernas kaj amuziĝas kune. La eventoj povas esti diversspecaj, ekzemple babiladaj rondoj, studgrupoj, ludaj aŭ muzikaj renkontiĝoj en via loka klubo aŭ kafejoj, aŭ promenadoj en urboj aŭ en naturo. Se allogas vin la ideo organizi eventojn kaj gastigi novajn Esperanto-lernantojn per Duolingo, bonvolu aliĝi per http://gazetaro.org/duolingo. **kn46**

## Aŭtoraj duonhoroj:

09h30: Javier Alcalde, José María Salguero
11h30: Humphrey Tonkin
14h30: Carlo Minnaja **kn49**

## Infana Kongreseto

La infanoj posttagmeze piediros al la apuda monumento Cristo Rei kaj supreniros ĝian turon por ĝui belan panoramon de la urbo Lisbono. En la internacia vespero, ĉiu prezentos ion. **kn162**

## HODIAŬ PLU VARMEGOS!

Jam hieraŭ ni spertis dumtagan varmecon de 41 °C. Prognozo estas 42-44 °C por morgaŭ ĝis dimanĉo. B.v. tre atenti jenon:

**Ne tro vestiĝu!**
Flankenlasu jakojn ks.

**Trinku akvon abunde!**
Kunhavu botelon; kranakvo trinkeblas.

**Ne restu ĉe la suno,**
preferu ombrajn lokojn kaj/aŭ surmetu ĉapelon.

# El la libroservo por vi




*Fraŭlino Maitreyi*, de Mircea ELIADE. El la rumana tradukis Ionel ONEȚ. Rotterdamo: Bero, 2007.

Kolkato, komence de la 1930aj jaroj. Juna eŭropano alvenas en la granda urbo dum brita regado por studi sanskriton sub la protekto kaj helpo de sia instruisto. Jen fragmento el la reala vivo de la mondfame konata rumana filozofo kaj fakulo pri religioj Mircea ELIADE. Ni plu memoru: la filino de la profesoro iom post iom altiras la atenton de la junulo kaj, reciproke, la knabino raviĝas de la rumana fraŭlo, ĝis la amo evidentiĝas nebridebla.

De tiam, la flamo de tiu pasio neniam estingiĝos. La nomo de la barata fraŭlino titolas la libron: Maitreyi.

Kiam Mircea ELIADE decidis verki pri sia vivo, li ŝanĝis kelkajn detalojn, sed la romano plu restis membiografia. Mi konfesas, ke mi tre ŝatas la stilon de Eliade, de kiu mi legis plurajn verkojn. Li demetas ĉiun nenecesan ornamon, kaj tio donas al la rezulto pli verŝajnan aspekton, kiun facile ni interpretas kiel sincera konfeso. Per tio li sukcesas kapti la leganton de la komenco. En Rumanio, *Fraŭlino Maitreyi* estas deviga legaĵo en mezlernejoj, kaj plu fascinas milojn da personoj.

Sed ĉu vere eblas ke, malgraŭ baroj kaj tempopaso, amo ŝprucinta dum juneco tiel longe pluvivas? Multajn jardekojn poste, 60-jara Maitreyi Devi volis respondi tiun demandon per libro. Ĝia titolo, karaj amikoj, estas elokventa: *Ĝi ne mortas*.

**Suso Moinhos**

# Aŭkcio kun unikaj varoj

Kelkaj eksterordinaraj objektoj atendas vin ĉe la Aŭkcio, kiu okazos vendredon je la 16-a horo en salono Carreira. Inter ili estas fruaj jarkolektoj de *La Revuo* (1906-1910), kongresaj libroj de Kolonjo (1933) kaj Sofio (1963), raportoj de la Lingva Komitato de 1913, fruaj volumoj de *The British Esperantist*, kaj pluraj aliaj objektoj el la unuaj jaroj de nia lingvo.

Ni aŭkcios kongresnumeron 1 por la Universala Kongreso en Lahti, bildkarton senditan de Marjorie BOULTON, nomŝildon de Ludoviko ZALESKI-Zamenhof, Esperanto-poŝtmarkojn, kaj diversajn aliajn unikajn kaj foje amuzajn objektojn.

Aparte rara objekto, kiun ni ricevis de malavara esperantisto ĉi tie en la kongreso, estas ekzemplero de la anglalingva ĵurnalo *Christian Commonwealth* de 3 septembro 1913, kiu enhavas kovrilpaĝan intervjuon kun d-ro L. L. Zamenhof, tradukon de perslingva mesaĝo de Abdu'l-Bahá al esperantistaj bahaanoj en Ameriko, kaj ampleksan leteron al la redakcio de Abdul Bah ABBAS pri universala paco.

La sumo kolektita per la aŭkcio subtenos la informadan laboron de UEA, precipe al lernantoj de Esperanto per Duolingvo kaj aliaj retaj lerniloj. Jen ebleco samtempe ĝui la spektaklon kaj antaŭenigi UEA kaj la Esperanto-movado! **kn8**

Gvidos Humphrey TONKIN, iama prezidanto de UEA kaj spektakle sperta aŭkciestro. **kn59**

## Rekune la Ibera Skolo




En kongresejapuda restoracio (dekstren): M. Fernández, A. Montagut, A. Valén, A. Manero (staras), G. Neves, M. Gutiérrez / Liven Dek. Mankas G. Camacho, kiu ne venis al la U.K.


# Kolofono:

*Taĵo Nia* kongresa kuriero de la 103-a **Universala Kongreso** de Esperanto, en Lisbono, Portugalio, de la 28-a de Julio ĝis la 4-a de Aŭgusto, **2018**.
**Kunredaktas (krKK)**: Suso MOINHOS kaj António MARTINS-Tuválkin
*Novan numeron ĉiumatene en la halo kaj ĉe* esperanto.pt/tn6

Kontribuojn b.v. sendu al kuriero@esperanto.pt aŭ ankaŭ papere kun **kn** aŭ nomo en keston en la halo nepre **ĝis la 18:00** ĉiutage!


# Kongresa hajko

en la verda stel'
ni kune kunfandiĝu –
la ejo ardas **kn476**

Mi perdis en la kongresejo eksteran memoron de komputilo. Se iu trovos ĝin, bonvolu transdoni ĝin al la LKK. **kn21**

**Bildoj en tiu ĉi numero:** Ĉiuj rajtoj rezervitaj por ĉiuj indikitaj kaj neindikitaj bildaŭtoroj. **KK**

# Rubon en tri ujojn

En Portugalio ekzistas establitaj cirkvitoj por tri specoj de recikligeblaj rubaĵojn: Vitro (verda ujo), papero (blua ujo), kaj plastojn + metalojn (flava ujo). En iuj municipoj la tri ujoj troveblas por publika uzo en ĉiu stratangulo; aliie oni dividas kaj kolektas hejmnivele kaj publikaj recikligrubujoj maloftas. Alitipajn rubaĵojn oni kolektas aparte por forĵetado / deponado; specialaj cirkvitoj (baterioj, kompoŝteblaĵoj, oleoj, toksaĵoj k.a.) ekzistas kelkloke. **kn49**

# Novaj kongresanoj:

| | |
|---|---|
| Isabel SANTOS, *Portugalio* | 1532 |
| M. A. BUENO Ávila, *Hispanio* | 1564 |
| Gérson Pinto Gomes PEREIRA, *Brazilo* | 1565 |
| Xosé CONDE, *Hispanio* | 1566 |
| T. MELO, *Portugalio* | 1567 |

*(preciza numerado konfirmotas)* **LKK**